# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta ilustrita revuo
Dua periodo — Tria jaro
Senpaga kvaronjara aldono:
**Bibliografia Gazeto**
En duona formato 16—20 paĝa




Septembro 1933
9-a numero

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hi da Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), W. B Johnson (Kairo), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Birmingham), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C Stillmann (U.S A), K.R.C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L.E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

Dancu Marinetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. 3·40
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60. broŝ. 2 70
Viktimoj, romano ... ... tolb. 7.40. duont. 5.60, broŝ. 5.—
Hura! romano ... ... ... tolb 10 -, duont. 8 40, broŝ 7 40
Preter la vivo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. 2.—
Pilgrimo, poemaro ... ... tolb. 3.—, broŝ. 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

Lingvo, Stilo, Formo ... ... ... tolb. 4 90 broŝ. 3.—
Malkara eldono bind. 2.50 broŝ. 1.50
Strečita Kordo ... ... ... ... ... tolb. 5.80 broŝ 4—
Rimportretoj ... ... ... ... ... tolb. 4.60 broŝ. 3.—
Eterna Bukedo. Internacia poemantologio. 352 paĝa ... ... ... ... ... ... ... Duonl de bindita 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava ... ... bind. 3.— broŝ 1 50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind 5.—
bind. 3.— broŝ. 2.—
Hungara Antologio ... ... ... bind. 14.— broŝ 12.—
K. Kalocsay – G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro ... ... bind. 5— broŝ. 3 60

**ALIAJ VERKISTOJ:**

J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn ... Romano ... ... ... ... ... ... bind. 5.80 broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50 broŝ. 1 50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano bind. 5.— broŝ. 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. 1 50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 96 ilustrajoj ... ... ... ... ... duonlede bindita 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo bind. 5.— broŝ 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero bind. 5.— broŝ. 3.60
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain ... ... ... ... ... broŝ. 1.—
Hungara Ŝlosilo ... ... ... ... ... ... ... ... 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**

Aldonu 10% por sendkostoj

# Universala Esperanto Asocio

**c e l a s:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**d o n a s:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝon Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# Vivo kaj laboro de literaturisto pola

— Dr Marek Wajsblum —

*(Daŭrigo kaj fino)*

Ni revenu tamen al la ciferoj kaj esploru la statistikon de la socia deveno de l' polaj literaturistoj ne statike, sed dinamike. Rigardante la statistikon de la postmilita literaturista generacio, ni konstatos rimarkindan ŝanĝon:

| *Socia deveno* | *inter la tuta literaturistaro* | *inter la postmilita generacio* |
|---|---|---|
| prof.-intel. | 32.9% | 19.0% |
| bienuloj | 5.1% | 11.9% |
| burĝaro | 56.3% | 66.6% |
| labor. k. meti | 3.8% | 4.8% |
| kamparanoj | 1.9% | 2.4% |

Per la sama procedo ni ricevos vicon de rilatnombroj, difinantaj la aktivvaloron de la sociklasoj en la postmilita literaturgeneracio, kompareblan kun sama vico, konsideranta la tutan literaturistaron vivantan (vicordo — kiel en la tabeloj):

tuta literaturistaro 1000 : 15 : 200 : 2 : 0.7
postmilita generacio 1000 : 63 : 412 : 4 : 1.6

La komparo de tiuj du vicoj de indikiloj rezultigos la dinamikan funkcion de la socia strukturo de l' pola literaturo. Laŭ tiu komparo ni konstatas, ke la literaturo pola

1. tendencas al la redukto de la agrikultura elemento je la gajno de l' urbaj sociklasoj.
2. la aktivvaloro de la bienularo reduktiĝas kaj la intelektularo profesia progresas al hegemonio,
3. samtempe tamen, kaj rilate pli rapide, kreskas la aktivvaloro de burĝaro,
4. evidentigas kreskon ankaŭ la aktivvaloro de l' proletaro kaj kamparanaro, sed rilate al la aliaj klasoj, ĝi restas kvanto ignorebla (cetere konkludoj statistikaj validas nur ĉe grandaj nombroj; ĉe nombroj malgrandaj (kiel ĉiokaze) la aperaĵoj okazaj, ekstertendencaj, ludas ofte rolon decidigan.

Nia bildo ne estus tamen plena, se ni ne kombinus ĝin kun dispartigo teritoria, ĉar (kiel ni tion aludis supre) pro historiaj motivoj la ŝtatpartoj grave diferenciĝas per sia ekonomia kaj kultura karaktero. Tiel do en la orientaj vojevodioj (kun pure agrikultura karaktero, kie la polecon reprezentas la klasoj superaj) la literaturistaron en 70% konsistigas bienuldevenuloj; simile (66.6%) en Poznanio kaj Pomeranio, regionoj same agrikulturaj, kvankam kun multe pli alta kulturnivelo. Dume, en la centraj, pli industriaj vojevodioj, la koncerna % estas 50.0 kaj en Galicio (pro la nombra supereco de l' intelektula elemento, kaŭzita de specialaj historiaj kondiĉoj) eĉ nur 16.1%. Se ni preterlasos Galicion kun ĝiaj 72.6% de intelektulardevenuloj, ni konstatos, ke unuavice iras la centraj vojevodioj kun 53.8%, poste la agrikulturaj regionoj — orientaj vojevodioj (20.9%) kaj Poznanio kun Pomeranio (16.6%). Aŭtoroj proletardevenaj troviĝas precipe en la industriaj centraj vojevodioj, la kamparanaj -- nur el Galicio, kies kultura aŭtonomeco faciligis la disvolviĝon de l' klasa movado kampara. Laŭ tiu statistiko do ni povas konkludi, ke

1. la industriigo de l' lando eliminas bienularon personece,
2. kune kun la industriigo aperas la partopreno de l' proletaro,
3. ĝenerale, klaskonsciiĝo produktas kulturan aktivvaloron de klasoj malsuperaj.

Ni devas tamen reteni nin de tro arbitra konkludo pri la elimino de l' bienulara kulturelemento el la literaturo pola; jam supre ni substrekis rilate al intelektularo kaj parte ankaŭ al la burĝaro la disecon de la objektivaj kaj subjektivaj socikriterioj, kaŭzatan de la persisto de l' formortanta ekonomika societapo en la sfero ideologia.

Por plene kompreni la socian dinamikon de l' literaturistaro, necesas ankoraŭ rigardi la statistikon de ĝia edukiteco kaj studoj. Ŝtupo de edukiteco kaj direkto de studoj estas faktoroj sociaj, senpere dependaj de la ekonomia karaktero de l' devenmedio, plejparte difinanta la kvantan kaj kvalitan dinamikon kulturan de l' individuo. Ni trovas, ke 82.8% de la literaturistaro posedas edukitecon superan (54.5% finitan), nur 11.1% mezan, 5.5% (plejparte virinoj) hejman (egalan al meza, sed kun speciala konsidero de lingvoj kaj malzorgo de realaĵoj) kaj unusola (poeto) — malsuperan. El tio sekvas tamen, ke la literatura aktivvaloro de iu socia grupo dependas de ties kulturdinamiko. Nu — laŭ la statistiko de la superaj lernejoj, ni povas konstati, ke ties studantaro en la jaroj 1929/30 konsistis el gefiloj de

| | |
|---|---|
| bienuloj | 5.0% |
| burĝaro | 18.6% |
| intelektularo | 52.1% |
| labor. k. meti. | 15.2% |
| kamparanoj | 9.9% |

Per la sama procedo, kiel antaŭe, ni ricevos sekvantan vicon de rilatnombroj-indikiloj pri la kultura aktivvaloro de la sociklasoj:

1000 : 372 : 1224 : 52 : 23

Ni rimarku, ke tiu vico estas analogia al la vicoj de indikiloj pri la literatura aktivvaloro de l' sociklasoj. Tamen. kun unu diferenco: la kultura aktivvaloro de l' intelektularo estas pli alta, ol tiu de l' bienularo, dum ĉe la statika literatura aktivvaloro ni povas observi malon. Sed ĝuste tiu kontraŭeco analogias kun la *dinamiko* de la literatura aktivvaloro de tiuj klasoj. Laŭ la supra vicordo ni do povas konstati, ke la dinamiko de la kultura kaj literatura aktivvaloro de l' klasoj malsuperaj restas malforta kaj ne endanĝerigas la hegemonion de l' bienularo kaj profesia intelektularo (eventuale de la kulture emancipiĝinta burĝaro) en la literaturo. Se tiu konstato bezonus ankoraŭ pruvon, ni trovus ĝin en la fakto, ke nur 23.2% de la respondintoj difinis la materiajn kondiĉojn de sia deven- (kaj eduk-) medio kiel malsuperajn al la bezonoj, (nur 5.2% kiel malriĉajn), 41.7% — kiel mezajn kaj 35.1% — kiel superajn al mezriĉeco!

La konstato de tiu situacio permesas al ni ankaŭ kompreni la interesan fakton de la amatoraj studdirektoj de literaturistoj (eksteruniversitataj studoj, interesdirektoj. Laŭ koncerna statistiko, el la respondintoj de tiu demando 12.8% okupiĝis pri sociologio, juro kaj ekonomio, nur 3.9% pri matematik- kaj natursciencoj, nur 2.2% pri aplikaj sciencoj — la plejmulto, ni eĉ povus diri la amaso de la literaturistaro restas en la sfero de l' filozofio kaj religio (22.7%), literaturo (21.1%), historio kaj geografio (18.9%), belartoj (12.8%) kaj filologio (5.6%). Tiu fakto — mi ripetas — estas komprenebla nur el la vidpunkto de la statistiko pri l' devenmedioj. La plejparto de la literaturistoj devenas el medioj havantaj intereson por la konservo de la nuna socio, aŭ estas sub la influo de tiuj medioj. Ekonomio, sociologio, en manoj de literaturisto, povas esti nur instrumento de batalo socia. kaj tiun entrepreni emas ja ne klasoj regantaj, sed celantaj al emancipo. La malalta aktivvaloro de tiuj klasoj en la sfero kultura malnecesigas al la literaturisto la esploron de la socio kaj turnas lin al demandoj estetikaj (literaturo kaj belartoj 33.9%) aŭ al la estetikaj valoroj de l' pasinteco (filologio, historio; fiksi procenton ne estas eble, ĉar la statistiko la historion kaj geografion konsideras kune). Analogian kaŭzon oni povas atribui al la malintereso pri la sciencoj aplikaj; la malintereso pri sciencoj ekzaktaj dependas de la ĝenerala direkto de la pola kulturo, depende de ĝia ekonomia strukturo.[1]) Bedaŭrinde, la statistiko ne konsideras la problemon de dependo inter la socia deveno kaj litera-

[1]) Ĉi tiun problemon lumigas la statistiko de la libroproduktado, kiu indikas strukturan tipon propran al landoj agrikulturaj.

# Japaneskaj fotoj

— L. Totsche —

## Ĉa folio

*Ankoraŭ freŝas*
*la verda vest' de l' monto,*
*sed jam falanta*
*folio flava plende*
*parolas pri l' estonto.*

## La rivero

*La rivereto*
*preter la bordo, domo*
*kun hasto kuras.*
*Ne degnas ĝi rigardi*
*al la surborda homo.*

## La floro

*Kontraŭe floro*
*soleca min koketas,*
*dum sur komforta*
*lit-seĝo pigre-gape*
*mi kuŝas kaj poetas.*

## La pluvo

*Sursidis monton*
*nebulo aroganta,*
*la monotona*
*pluvado ekdormigas*
*per akvorulo lanta.*

## La monto

*En valo varma*
*la viv' fermente bolas*
*kun ard' pasema.*
*Super ĉi pulsa svarmo*
*la monto olde solas.*

## La luno

*En la arbaro*
*silenta nokt' odoras;*
*sekretajn vojojn*
*la arĝentvesta Luno*
*scivole priesploras.*

## La pino

*La altan pinon*
*ne fleksas ŝtormo murda,*
*nek jug' de l' jaroj.*
*Ĉe ĝia pied' mi sidas*
*kun mia vivo kurta.*

## La herbo

*La herb' matene*
*ornamas sin kun vanto*
*dandeca: pompe*
*sur ĝia kapo brilas*
*la roso: diamanto.*

## La ponto

*River' rapida*
*tra kolorpompa parko.*
*Dormeme, digne*
*subjugas l' akvon kuran*
*la pigra ponto-arko.*

## La vento

*En karnon trancas*
*plorĝemo kaj lamento;*
*kiun funebras*
*tuttage kaj tutnokte*
*ĉi plue larma vento?*

## La nubo

*Sur la ĉielo*
*groteskaj blankaj nuboj:*
*incite, lude*
*ili sin serĉas-pelas*
*kiel petolaj buboj.*

## La adiaŭo

*La trajno lante*
*ektrenas min al vojo;*
*la val' sunbrilan*
*saluton post mi sendas.*
*Ĉu por la lasta fojo?*

Frohnleiten, Stirio.

---

tura kreoformo (poezio, romano, dramo k. t. p.), problemon treege interesan kaj ĝisnun absolute neesploritan. La statistiko pri la studdirektoj depende de kreoformoj ne permesas specialajn konkludojn.

Nun ni turnu nin al la ĝusta celo de la enketo — al la esploro de la vivkondiĉoj de l' literaturistaro, kiel de grupo ekonomia. Jam je l' unua rigardo frapas la okulojn la konstato, ke per laboro literatura enspezis en jaro 1929:

| | |
|---|---|
| malpli ol 1.200 zloty | malpli ol manlaboristo nekvalifikita 44.2% (8.3% neniom) |
| 1.200— 3.000 zl. | salajro de laboristo nekvalif. ĝis mezkvalif., de pordisto en ŝtata administracio, plej malalta klaso de privatoficistoj 21.8% |
| 3.000— 6.000 zl. | salajro de altkvalif. laboristo, meza privatoficisto, ŝtatoficisto 14.1% |
| 6.000—12.000 zl. | salajro de kvalifikitaj privatoficistoj 11.5% |
| 12.000—25.000 zl. | salajro de altkvalifikitaj privatoficistoj 6.4% |
| super 25.000 zl. | 1.9% |

La tuta jarenspezo de verkisto el literatura laboro atingas meze apenaŭ 3500 zl., do ĉirkaŭe tiom, kiom havas la malaltaj kategorioj de ŝtatoficistoj sen kvalifikoj speciala]. Sed eĉ tiun malsatsalajron ne atingas 66.0% de la literaturistaro! Preskaŭ la duono enspezas monate ne pli ol 37 zl. meze, kio egalas 4-tagan salajron de mezkvalifikita ministo! Kaj ni konsideru, ke la metio de literaturisto postulas elspezojn — ni eĉ ne parolas pri necesaj por kreado libroj, jurnaloj, vojaĝoj, sed simple pri teknikaj laboriloj — ke 73% de la literaturistaro nutras sian familion (meze 2 personojn) kaj ni konstatos, ke almenaŭ 80% ne povas vivteni sin per literaturista laboro, ke ekonomie la literaturo estas por ili eksterprofesia okupo.[2])

Efektive, nur 15.7% vivtenis sin per laboro literatura; foriginte tamen el tiu nombro la tradukistojn, kritikistojn kaj publicistojn kaj konsiderante nur la originalajn verkistojn, ni reduktos ĝin ĝis 9.1%! Nur 11% vivtenas sin per laboro parenca al literaturo (jurnalismo, teatro, radio), 18.2% per laboro pedagogia, 25.4% oficas en ŝtata administracio (11.1%) aŭ privataj enterprenoj komercaj kaj industriaj k. t. p., 5.7% vivas per pensio (do — eksoficistoj), samtiom el propraj kapitaloj aŭ bienoj (63.6% el ili — virinoj) kaj nur 2.0% ĉerpas la vivrimedojn el liberaj profesioj. El tio sekvas, ke nur 35.2%, do nur triono (enkalkulante ankaŭ pensiulojn kaj virinojn vivtenatajn de siaj edzoj aŭ familioj) povas sin tute dediĉi al la literaturo — la resto devas ŝteladi horojn de sia ripozo. Se el la literaturistoj vivantaj per literatura laboro 42% laboras konstante kaj el aliaj nur 23%, se el la unuaj 33% laboras en horoj vesperaj malfavoraj por homa kreoforto kaj el la aliaj ĝis 53% povas labori nur nokte, se — fine — ĉe la unuaj la krea labortago daŭras meze 6 horojn kaj ĉe la aliaj plejparte 2—3—4 (nur ĉe 25% el ili pli ol 4 h.) — tio certe ne estas rezulto de okazaj, individuaj inklinoj.

Sed ĉu eble tiuj ĉi ciferoj pruvas, ke la pola literaturo kreskas el la vivo, forte ligiĝas kun ĝi? Eble el la amasoj ĝi kreskas, esprimante per estetikaj kategorioj la jam maturiĝintajn kaj en individuoj konsciiĝintajn bezonojn de tiuj amasoj? Eble la amasoj mem emanas siajn esprimilojn kaj el sia ekonomia kaj socia agado la aŭtoroj mem ĉerpas sian kre-materialon? Ne! — 86% de la literaturistaro studas sciencojn kaj aliajn kultursferojn,

[2]) Ne mirinde, se ni konsideras la senliman kaj senhontan ekspluaton flanke de eldonistoj, kiun malkovris la enketo; koncernajn ciferojn tamen, kiel neinteresajn eksterlande, ni ne citas.

kiujn maksimume 58% povus eventuale eluzi profesie. Se la statistiko konsiderus ankaŭ tiun rilaton kaj dependon, la nombroj estus ankoraŭ pli diferencaj, jam la donitaj tamen pruvas klare, ke la profesia okupo grandparte ne interesas la verkistojn intelekte, ke ili konsideras ĝin nur nepra, sed abomeninda ŝarĝo; individuaj respondoj montras tion klare. Kaj krome, la neeblo vivteni sin per laboro literatura, morale senmovigas la verkiston. Ĉu bezonas komentariojn la respondo de unu el ili je la demando, kial li ne eldonas sian, jam pretan verkon: »... jam unufoje oni eksigis min el la ministrejo kaj mi ne volas, ke oni faru tion duafoje«? Ni memoru ja, ke inter la literaturistoj estas 11.1% ŝtatoficistoj administraciaj kaj ke la instruistoj, muzeistoj kaj bibliotekistoj (la tuta grupo de tiuj profesioj estas 23.7%) plejparte ankaŭ estas salajruloj de la ŝtato.

Malgraŭ tiel mortiga sindono al pangajna laboro, la literaturistaro restas en mizera stato. Entute la literaturistoj enspezis jare:

| | |
|---|---|
| 1.200— 3.000 zl. | 6.7% |
| 3.000— 6.000 zl. | 16.4% |
| 6.000—12.000 zl. | 46.3% |
| 12.000—25.000 zl. | 23.1% |
| super 25.000 zl. | 7.5% |

Do preskaŭ la kvarono enspezis malsuper la vivnivelo de meza intelektlaboristo, malpli ol la duono vivas meze, malpli ol la kvarono en bonstato kaj nur malgranda parto — riĉe. Tiun riĉon tamen certigas al ili plejparte cirkonstancoj sendependaj de ilia talento literatura — kapitaloj kaj bienoj. Vivtenantaj sin nur per literaturo estas (ekster kelkaj feliĉuloj) nur individuoj obstinaj kaj harditaj, rezignitaj por modesto, aŭ malriĉo, ofte eĉ por mizero (16% enspezas malpli ol mezkvalifikitaj laboristoj!). Ĉu do mirinde, ke unu el la literaturistoj (ne el la lastrangaj) kiel sian unikan deziron prezentas la eblecon akiri »almenaŭ 300—400[3]) zl. monate por povi trankvile *du horojn* dediĉi al prilaborado de komencitaj, pli grandaj verkoj«?

Interesa estas ankaŭ la problemo de dependo inter la kreoformo kaj la ekonomia situo de l' verkistoj. Per literatura liboro, povas sin vivteni nur 3.9% de la poetoj, nur 5.5% de la publicistoj, 12.1% de la tradukistoj, 20% de la dramverkistoj, 21.4% de la romanverkistoj kaj 42.5% de la tradukistoj — ciferoj tute kompreneblaj ne nur pro la paraleleco kun la eldonofteco kaj eldonnombro de la koncernaj verkoj (poetoj publikigas siajn verkojn neregule, plejparte ĉiudujare, dum tradukistoj — po du jare), sed ankaŭ pro la absoluta kaj relativa ekonomia valoro de la diversaj formkategorioj. Meza honorario por volumo de poemoj sumas 385 zl. kaj por romano 1400 zl.! Ni aldonu, ke la terura stato de la libromerkato, same la stato ekonomia, kiel la kultura, ĝis minimumo reduktas la laboreblojn de literaturisto. El la 176 respondintoj de tiu demando, 144 havas (plejparte prespretajn) manuskriptojn nepublikigeblajn. La malutilegan influon de la eldonmerkato prezentas mallonge unu el respondintoj: »... la eldonisto postulas »interesan« titolon kaj malvolonte prenas libron, kiun li opinias tro inteligenta... Aŭtoro enspezanta malmulte kaj tuj bezonanta monon, reverkas sian libron, por ke ĝi fariĝu pli malsaĝa«. La respondinto citas konkretajn faktojn!

Ke 39.4% de la kritikistoj dediĉas sin al pedagogio kaj 15.1% al bibliotekismo kaj muzeismo, tio estas tute komprenebla pro la kvalifikaj postuloj de tiuj profesioj, parencaj al la kvalifikoj de kritikisto. Kurioza tamen kaj karakteriza estas la fakto, ke la poetoj ŝvebas inter la plej proza kaj senfrukta laboro ĉe oficeja skribtablo (31.2% — plej alta procento; romanverkistoj same — 30.0%) kaj la senzorga vivado per propraj kapitaloj, bienoj, aŭ enspezoj de familianoj (23.1%, dum ĉe romanverkistoj nur 10.0% kaj ĉe kritikistoj — nulo!) — fakto pruvanta, ke la nuntempa pola poezio en sia amaso estas ripozo por vivpremita intelektulo kaj beligilo de senokupa vivo, ne batalilo socia (malgraŭ, ke la plej altan nivelon estetikan ĝi atingis ĝuste en la periodo de tempestoj sociaj kaj per elemento socia). Dume, okupoj pedagogiaj ne emigas al kreado literatura (11.8% de la poetoj, 15.7% de la romanverkistoj) — tion jesas individuaj respondoj, kun malamo, abomeno kaj malespero esprimiĝantaj pri tiu profesio.

Ĉu do mirindaj estos post tiuj konsideroj la kondiĉoj, en kiuj laboras la literaturistoj polaj? 24.6% ne posedas eĉ apartan ĉambron, 66% skribmaŝinon, 50% telefonon, 6.7% ian ajn bibliotekon kaj 37.7% posedas ĝin, sed malpli grandan ol 500 volumoj, do ne povantan servi kiel laborestablo; 34.8% ne posedas eĉ neprajn al literaturisto vortarojn kaj enciklopediojn. Sufiĉu!

Je la fino, abstrakte de faktoroj ekonomiaj kaj sociaj, ni povus el la enketo eltiri materialon por kelkaj interesaj observoj psikologiaj. Ni menciu ekzemple la konstaton pri ĝusteco de la leĝo geopsikologia, asertita de W. Hellpach, laŭ kiu inter la temperaturo — ĝia leviĝado printempe kaj maksimumo somere — kaj la emanado de la kreaj asociaĵoj ekzistas kaŭza rilato. Tiuj materialoj tamen ne estas plene enstatistikigitaj kaj nur okaze kaj flanke respeguliĝas en la rezultoj de la enketo.

Pro recenzista devo ni priparolis ankaŭ la temon, al kiu la enketo estis dediĉita, tamen nia ĉefa intereso estis turnita al la ebloj de la statistika difino de l' ĝeneralaj aspektoj de kulturo. Memkompreneble, nia skizo, baziĝanta nur sur kelkaj faktoj, sur materialo treege malriĉa, preskaŭ neekzistanta ekster la priparolita verko, estas nur ekzempla kaj okaza provo tiudirekte. Por bazi la metodon sur firma grundo, oni devus esplori materialon pli vastan laŭnombre (statika) kaj laŭtempe (dinamike). Oni povus ekzemple imagi prilaboron de iu kompleta nacia bibliografio per metodoj matematikaj por ricevi matematikan bibliologion, kiu permesus al ni trakti, la literaturajn aperaĵojn kiel funkcifenomenojn.[4])




G. Braque *Virinkapo*

[3]) Monatsalajro de malaltranga ŝtatoficisto administracia.

[4]) Mi estus treege dankema al la legantoj de mia skizo, se ili bonvolus indiki al mi similajn provojn en aliaj lingvoj kaj pri aliaj literaturoj.

# La sentebla profito

— W. B. Johnson —

*La 19-an de Sept., 1932.*

Tiun lundon, precize je la 6-a vespere, Trullmann eniris urbomezan kafejon, kaj tio estis neniel eksterordinara. Ĉiulunde je la sama horo li descendis en tiun subteran ejon, esperante, ke »lia« tableto estas neokupita kaj tie li prefere temanĝis sola, antaŭ ol alfronti siajn lernantojn en la urba Esperantosocieto. Dum soleca temanĝo li povis ĉiam finpretigi la lecionon, kvazaŭ la ritmo de trankvila maĉado diktus marŝotakton al liaj pensoj. Sed ĝuste hodiaŭ la leciono bezonis pli ol finpreparon, ĉar tute mankis ankoraŭ ĝia konversacia parto, kaj la pensoj de Trullmann obstine ignoris la ritmon de liaj makzeloj.

La hodiaŭa gramatikaĵo estis tute instrupreta: temos pri la uzado »-ig-« kun la verbaj radikoj, kaj ĝi ne kaŭzos al li malfacilaĵojn, sed kiu konversacia temo efike stampos la teorian instruon en la memoron de liaj kursanoj?... Kiu paroltemo postulas vortojn, precipe verbojn, kun »-ig-«? Jen lia problemo, sed liaj pensoj obstine lamis, kaj kvazaŭ pro kunsento la makzeloj mise ritmis.

Nek la manĝo, nek la posta cigaredo, alportis la necesan inspiron. Distrite li pagis ĉe la kaso kaj eliris senkonsile sur la straton. — Diable! kion fari? Restas nura kvaronhoro ĝis la leciono, kaj mi estas nur duone preta!

Trullmann acide insultis sian stultan kapon.

Alveninte en la strato, kie troviĝis la societa kunvenejo, li ekkonsciis, ke okazas io neordinara. La tuta trafiko estis ĝenata de haltinta aŭtomobilo kaj de homa svarmo, en kies mezo elstaris okulfrape la kasko de alta policano. — Akcidento! — pensis Trullmann kaj li scivole alrapidis.

Estis neeble travidi la densan amason, sed li aŭdis, ke la aŭtomobilo faligis knabon kaj ke oni ĉiumomente esperas la ambulancon. Li ne devis longe atendi ĝian alvenon, kaj kiam la homa muro breĉe tralasis du sanitaristojn kun brankardo, li ekvidis la vakse palan vizaĝon de knabo, kiun ili kuŝigis sur la portilo kaj forveturigis hospitalen.

Amorfa melankolio eksidis sur la animo de Trullmann, sed fulma inspiro tuj forigis ĝin. — Jen la ĝusta temo por via konversacio! — Momenta pripenso konvinkis lin, ke ĝi abunde naskos ig-verbojn; sed li devos improvizi, ĉar la klaso jam atendas lin!

La leciono estis unu el liaj plej sukcesaj. Per propraj klarigoj kaj ekzemploj li gvidis sian klason tra la koncerna ĉapitro en la lernolibro, kaj poste li enkondukis konversacion pri la akcidento, kiun kelkaj el liaj kursanoj mem vidis. Lia vigla fantazio ĝin brodis per multaj igo-riĉaj detaloj. Dirante ĉiun verbon kun forta akcento, li rakontis pri la aŭtomobilo, kiu *faligis* la knabon, pri la ambulancistoj, kiuj *levis* la vunditon, *kuŝigis* lin sur la brankardo kaj *veturigis* lin al la hospitalo, kie oni *resanigos* lin. Menciata estis eĉ la policano, kiu devos *sciigi* la malfeliĉajn gepatrojn, kaj li ne forgesis la redaktoron, kiu *presigos* raporteton en sia ĵurnalo. Fine per demandoj li igis la lernantojn ri-



G. Chirico — *Ĉevaloj*

peti lian rakonton kaj priparoli ankaŭ aliajn akcidentojn, kiujn ili iam ajn vidis. La temo ja ne estis gaja, sed ĝia aktualeco faris ĝin tre reala, kaj la interparolo vigle fluis. Antaŭ ol fermi la lecionon, li difinis kiel hejmtaskon, ke la kursanoj skribu kelkajn frazojn, kiuj nepre ilustru la ĵus lernitajn regulojn pri la uzado de »-ig-«.

Post fino de la societa kunveno Trullmann piede vojiris hejmen kun gajeta humoro. — Kia feliĉa koincido — li pensis — ke tiu akcidento savis min en la lasta momento!

*La 20-an de Sept.*

En nia tele-mirakla epoko, kiam oni povas kolekti la hodiaŭan mondon kaj laŭpartie engazetigi ĝin antaŭ la morgaŭa tagiĝo, ĉiu sciama homo devas ensorbi matenan dozon da politika novaĵo kaj da »publika« opinio, neforgesante privatan skanda'on. Tion faris Trullmann ĉiumatene, legante la provincan ĵurnalon dum tramveturo al sia oficejo, kaj tiu moro estis tiom ĝenerala ĉe matenaj pasaĝeroj, ke ĉiu leganto devis faldi sian ĵurnalon malgranda.

Tiun mardan matenon la tramo estis ege homplena, tiel ke oni eĉ ne povis foliumi ĵurnalon sen kubuti siajn najbarojn, kaj Trullmann devis kontentiĝi, legante ĉion sur unu paĝo, ĉe kies piedo lia rigardo trafis sentitolan bagatelon:

»Hieraŭ vespere dekdujara knabo, ludante en Reĝin-strato, kuris rekte sub la radojn de aŭtomobilo. La ambulanco, kiu tuj alvenis surloke, portis lin al la Centra Hospitalo, kie li mortis dumnokte pro interna hemoragio.«

— Dio mia! — li pensis — dum mi instruaĉis tiun gramatikan sekaĵon, la kompatinda uleto sufokiĝadis de sia propra sango! — kaj li ekhontis sian hieraŭan ĝojon pri la »feliĉa koincido«.

Lia rigardo ne plu vidis la presaĵon antaŭ li, ĉar antaŭ liaj internaj okuloj aperis du bildoj... li, pedante rekta ĉe sia nigra tabulo... kaj la knabo, stertoranta sur sia blanka lito. La bildoj momente ŝvebis en lia konscio kaj poste ruliĝis for, tirante post si aliajn, kiuj revivigis por li la tutan epizodon:

Reaperis la ekscitita stratpubliko, kiun scivolo kirlis per nevidebla mano, la ambulancistoj denove kolektis al si la velkeman figuron kun faklerta flegmo, kaj paŝis sur la ekranon policano kun protokola libreto, sed tuj li cedis lokon al la bildo de konsternita familio... Agonio, lingva leciono, strata spektaklo, hospitala rutino, polica protokolo, ĵurnalista bagatelo, gepatra ĉagreno — kion do signifas la morto de strata bubo?

— Kaj eble mi estas la sola — Trullmann konklude meditis — kiu senteble profitis el lia fatalaĵo. — La tramo haltis ĉe lia stacio, kaj lia privata kinofilmo finiĝis.

*La 26-an de Sept.*

Nova lundo, kaj Trullmann denove paŝis la stratojn inter la kafejo kaj la Esperanto-societo. La Reĝin-strato rememorigis lin ankoraŭfoje pri la vivkosta akcidento, kiu savis lin el stulta embaraso. Denove la nebula malgajo ekkaptis lin, kaj funde en lia animo cinika voĉo ŝajne komentis — Nu, kion vi volas? Unu homa vivo ĉiam aĉetas malmulton... tre malgranda monero. — Kaj la vortoj ĝene obsedis lin, ĝis la instrudevo ilin silentigis, kiam li ekstaris antaŭ sia tabulo.

## VERSAĴOJ

— Georgo Deŝkin —

### Pajleroj de l' minutoj

*Juneco, kiel incendio,*
*Nur cindron lasis en la kor'...*
*Ekfrapas ĝiba maljuneco*
*Fenestron mian kun angor'.*
*Kaj baldaŭ mort' per man' osteca*
*Signalos finon de l' sufer'...*
*Sed ĝojon, gloron kaj feliĉon*
*Mi ne renkontis sur la ter'. —*
*Jen kial pri nerevenebla*
*Juneco ploras mia kant',*
*Kaj la pajlerojn de l' minutoj*
*Mi kaptas, kiel la dronant'...*

### Ĉe maro

*Mortece laciĝis la korpo*
*Kaj nur la trankvilon deziras...*
*Sed velo, blankanta sur maro,*
*Alie al kor' mia diras.*
*Ĝi logas al landoj mirindaj,*
*Al novaj vagadoj sencelaj...*
*Ĉu estas do limo por revoj,*
*Por revoj trompantaj, sed belaj?*

### Subita ekzotiko

*Estas vi simila japaninon,*
*Mankas nur vestaĵ' el Japani'.*
*Ni sidiĝu en boatan mian,*
*Nekonatan Landon naĝu ni!*
*La supreniranta ardas suno,*
*Kvazaŭ en la kara Orient'.*
*Sangon kaj animon de japano*
*Mi en mi eksentas por moment'.*
*De okuloj viaj malarĝetaj*
*Min ĝojigas ruza la ridet'...*
*Tuta mond' hodiaŭ apartenas*
*Nur al ni, ho, mia orfiŝet'!*

Esperantigis la aŭtoro
Moskvo — Julio 1933.

---

— Antaŭ ol ni studos la novan lecionon — li komencis — bonvolu legi la hejmtaskajn frazojn, kiujn vi mem formis kun ig-verboj.

*Unua kursano:* — Mi bedaŭras, sinjoro, sed mi estis terure okupata dum la pasinta semajno.

*Dua kursanino:* — Ankaŭ mi tute ne povis trovi la necesan tempon.

*Tria kursanino:* — Pardonu, sinjoro, sed mi neniel povis rememori, ĝuste kiun taskon vi difinis al ni.

*Kvara kursano:* — Mi ja faris la frazojn, sed bedaŭrinde mi forgesis ilin hejme.

Estis al Trullmann kvazaŭ troviĝus en li termometro, kies hidrargo falis-falis ĉe ĉiu nova preteksto, sed skribaĵo en la mano de la kvina kursanino esperige relevis ĝin.

— Ha! fraŭlino Koff, ĉu vi do skribis la petitajn ekzemplojn? Bonvolu voĉlegi ilin al ni.

Fraŭlino Koff prepare klarigis sian voĉon kaj legis kun klara emfazo.

— La ambulancistoj *levigis* la malfeliĉan knabon kaj *kuŝis* lin sur brankardo.

Trullmann sentis la hidrargon falegi sub la nulon kaj kvazaŭ plumban ĝemon eksidi sur lia stomako.

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

KVINA ĈAPITRO

*La aŭtoro ellernas la lingvon de la solasi-j. / Malgranda deflankiĝo pri la ekstera kaj interna kontemplado. / La konologio. / Malsanaj solasi-j. / Kelkaj vortoj pri la »muziko de l' sferoj«.*

Estus tre longdaŭre detaligi kronologie la historion de la kelkaj monatoj, kiuj pasis inter mia alveno en Faremido kaj tiu tago, kiam mi povis diri, ke, kvankam balbute kaj mallerte, tamen mi jam povas min esprimi per la lingvo de la solasi-j kaj mi komprenis grandparte, kion ili parolis. Cetere estas ja eble, ke ankaŭ ĉi tiu studo mem postulis pli multan tempon ol mi kredis tiam: la multegaj novaj impresoj amasiĝis en mia menso kun tiel febra rapido, ke mi tute forgesis mezuri la tempon, kiu cetere estas mezurata tie laŭ aliaj leĝoj. (En Faremido unu tago daŭras du-trioble dudekkvar horojn.) Aliparte ĝuste ĉi tiuj impresoj tiom okupis mian tutan interesiĝon, ke mi perceptis nur haste kaj malklare ĉion personan, kio okazis al mi dum la unua epoko de mia tiea restado kaj tiel en mia memoro restis plie nur la multaj instruoj, kiujn mi rikoltis, kaj forviŝiĝis ĉio, kio rilatis al mia korpa vivo. Mi opiniis kvazaŭ kompreni kaj spertis ankaŭ pri mi mem, ke la intelekto, — destinita laŭ mia kredo por la ekkono de l' objektoj, — tiam atingas en ĉi tiu laboro sian plej altan kaj plej intensan gradon, kiam ĝi tute forgesas sin mem por kolekti kaj aranĝi la fenomenojn de l' ekstera mondo. Kun mia mastro, Midore, poste ni multe parolis pri tio: okaze de tio, ke per plena fortostreĉo mi klopodis klarigi al li, kion mi komprenas per la vorto: homa cerbo, ĉar li ne kapablis kompreni ĉi tiun koncepton, dirante: »ne estas eble, ke instrumento, kreita el putraj kaj disfalaj materioj similaj al via korpo« (tiel li nomis la karnon kaj sangon ne havante vortojn por ĉi tiuj konceptoj), »povu fari la laboron de l' menso: la komprenon de la interrilato de l' fenomenoj.« Kiam, por rektigi lian eraron, mi informis lin, ke la celo de l' homa menso estas la kompreno de l' mondo, li nur nekredeme balancadis sian kapon kaj demandis, kiel faras tion niaj laŭdiraj pensuloj.

Kun ĝojo kaj feliĉo mi kaptis la okazon en la malproksima fremdlando akiri gloron por nia homa raso kaj ĉefe por la grandaj filozofoj de mia adorata patrujo. Rapide mi menciis verkojn de kvar aŭ kvin pensuloj-scienculoj kaj skizis mallonge la enhavon de ĉi tiuj verkoj. Mi rakontis, kian ĝojigan evoluon ekiras la konologio, kiu okupiĝas pri la leĝoj de l' homa menso kaj konstatas, en kia vicordo kaj sur kia bazo naskiĝas la penso. Mi parolis pri la grandaj biologoj, kiuj ekzamenas la laboron de niaj organoj kaj serĉas, kiamaniere la fenomenoj efikas al nia menso. Mi menciis tiujn, kiuj la laboron de l' homa menso asertas nura organika funkcio, kaj tiujn, kiuj supozas, ke la funkcio de l' spirito estas atribuenda al forto nemezurebla per materio. Mi citis la opiniojn de kelkaj grandaj logikuloj, kiuj deduktas la devenon de l' sento kaj penso sur matematika bazo, kaj tiun de aliaj, kiuj parolas per metafizikaj simboloj. Mallonge mi skizis la nunan staton de la filozofio kaj fine triumfe mi rimarkigis, ke ni estas jam tre proksime al la tempo, kiam ni scios, kion ni devas kompreni per »mensa funkcio.«

Midore ĝentile aŭskultis min kaj poste rimarkigis, ke mi respondis pri ĉio, escepte tion, pri kio li demandis. Ĉar el la vidpunkto de l' celo ja estas tute indiferenta la ilo aŭ instrumento, per kiu ni atingas la celon. Ĉar, ĉu ne, kiu ekzamenas ian instrumenton, tiu faras tion ne por ekscii, por kio servas tiu instrumento (tio estas la unua kion oni devas scii, tio estas memkomprenebla: ja, se mi ne scias, por kio servas la instrumento, ĝi eĉ ne interesas min), sed simple por konstati: ĉu ĝi havas ian difekton aŭ estas senmanka kaj uzebla; poste li komencas uzi la instrumenton. Li demandis, ĉu ni povas uzi la menson, por kio ĝi servas, kaj mi longe kaj entuziasme respondis, ke ni konas la instrumenton kaj ni povas ĝin eĉ dismeti. El miaj vortoj li vidas, dum jarcentoj ni faris nenion alian, ol ke ni ĉiam nur dismetis kaj ree kunmetis nian menson, kaj mi nomis plej grandaj pensuloj tiujn, kiuj faras tiun plej trivialan kaj plej malgrandan laboron, kiun ĉe ili faras la tornistoj. Li demandis, por kio ni uzas la menson, pri kio ni pensadas, kaj el mia respondo klariĝis, ke ni faras nenion alian, ol ke ni ĉiam starigas ĉi tiun demandon kaj ni rompas al ni la kapon pri tio, pri kio ni rompas al ni la kapon? Ĉar, se li bone komprenis, tion mi volas diri per la klarigo pri la konologio. Ĉio ĉi estus en ordo, ĉar simila malsano ja troviĝas ankaŭ inter ili kaj en la solasi-fabriko ili starigis por tio apartan riparan laborejon: nome okazas, ke la klara kaj ĝuste kunmiksita fluidaĵo de l' kranio, la cerbo de la solasi (kiel ni dirus), misiĝas. Mi povis vidi, ke sur la pura tero multloke troveblas tiu putra kaj disfala materio, kiun mi kutimis nomi organika miksaĵo, ĉi tiu putra, venena materio iel venas en la kapon de la solasi kaj venenas la organon de la penso. Tiam densa, mukspeca feĉo precipitiĝas sur la ora parieto de la kranio kaj konfuzas la klarecon de l' okulvitroj, la radioj elekstere venantaj ne trapenetras la cerbon, sed refraktiĝinte en ĉi tiu malhela feĉo ili aliformas la realan bildon de la fenomenoj kaj naskas falsajn konceptojn. Tian malsanan solasi-n oni povas rekoni per tio, ke liaj okuloj turniĝas internen, el liaj konfuzaj kaj febraj vortoj klariĝas, ke li vidas sian propran cerbon anstataŭ la mondo, kiun li devus vidi, kaj li parolas pri sia cerbo, pri ĉi tiu simpla kaj sensignifa instrumento, kiu nur per sia uzo valoras iom, kvazaŭ ĝi estus mem la mondo. Li deklaras ĉiaspecajn stultaĵojn kaj ridindaĵojn, ekzemple li diras, ke sur la ĉielo estas verdaj makuletoj kaj ke la vivo estas ia fluidaĵo; li diskutas, ke la spaco esence estas tempo kaj ke la materio enhavas la forton, sed la forto ne enhavas la materion; li opinias grava kaj decidinda demando, ĉu mi volas, kion mi volas, aŭ la naturo volas tion, ĉu oni povas voli libere, aŭ ĉu oni povas voli, ke oni volu; ĉu mi scias, kion mi pensas, aŭ ĉu mi pensas, kion mi scias; ĉu mi naskis la konscion, aŭ la konscio naskis min kaj ĝi jam ekzistis, kiam mi ankoraŭ ne ekzistis; ĉu estas forto sen materio kaj ĉu estas imagebla pli supera inteligento sen materio; ĉu ni pensas per imagoj aŭ ĉu ni imagas en pensoj ktp. Estas interese, ke ĉi tiu malsano difektas ankaŭ la voĉrubandojn, anstataŭ la klaraj kaj agrablaj vibrovoĉoj, el la gorĝo de l' solasi venas malagrablaj, frotiĝantaj bruoj, cetere tro similaj al tio, kion mi kutimis nomi parolo kaj kio tiom turmente skrapas la orelojn. Li, Midore, foje studis tian malsanan solasi-n kaj eĉ notis tian senartikan bruon, kaj li rekonis, ke, se

# Mi ne ŝatas la printempon

— I. Ŝirjaev —

Mi ne ŝatas la printempon! Kvankam la ĉiujare reviviĝanta naturo, kun sia verdiĝanta arbaro, luksa tapiŝo de kampfloroj, ŝaŭmantaj riveroj, afabla suno kaj nesilentiĝantaj birdhoroj, kapablas entuziasmigi kaj kortuŝi ankaŭ min, tamen ia neklarigebla sekreta malgajo dum printempoj obstine mordetas mian koron kaj rabas de mi la trankvilan animstaton, kiun ordinare mi ĝuas vintre kaj precipe aŭtune. Kial? Mi ne scias. Eble, ĉar delonge perdinte la konfidon al la homoj, kiuj tre ofte nur hipokrite aspektas bonkoraj, sinceraj, helpemaj, ankaŭ en la printempa naturo mi estas ema vidi la saman nesincerecon, falson kaj hipokritecon. Eble, pro tio, ke ... cetere tio ĉi ne estas interesa por flanka homo kaj restu mia sekreto.

Kia ajn estus la kaŭzo, en la komenco de ĉiu printempo mi subite perdas la kapablon daŭrigi mian kutiman vivmanieron, »elvojiĝas«, kiel oni diras, fermas por longa tempo miajn librojn, forjetas nefinitajn manuskriptojn kaj serĉas distrajon de la premeganta malgajo en sencela migrado tra arbaretoj, marĉajoj kaj aliaj similaj senhomaj, sovaĝaj lokoj. Mi konfesas, estas io sorĉe-ĉarma kaj trankvilige-bela en tia migrado.

Dum admirinda maja tago mi migris tiamaniere jam de sunleviĝo. Mi vizitis la bordojn de malproksima pentrinda lago, faris pri ĝi kelkajn pentroskizojn en mia poŝalbumo kaj, lacigita de la tuttaga piedirado kaj senindulga sunvarmego, antaŭ la vespero mi atingis la ankoraŭ tute nekonatan al mi, ne malpli pentrindan kaj sovaĝebelan bordon de Kema. La rivero estas negranda, sed plaĉis al mi ĝia surprize-ŝanĝema kaj kaprica karaktero: ĝi jen kun freneza rapideco kaj misteroplena murmuro portis siajn akvojn tra la neprofunda kuŝejo, sternita de sennombraj diverskoloraj ŝtonetoj kaj konkoj, jen fluis tute senbrue kaj apenaŭ rimarkeble, mallarĝstrie inter dezertaj ŝtonecaj bordoj, jen alprenis aspekton de vera larĝa kaj profunda rivero, jen, fine, kun surdiga bruego malsuprenfalis de ia roko, barinta ĝian vojon. Kaj tiaj ŝanĝoj estis renkontataj preskaŭ ĉe ĉiu paŝo. La bordoj plej ofte estis kovritaj de densaj, apenaŭ traireblaj kanoj, dikaj betuloj kaj salikoj, kiuj jen tie, jen tie ĉi kliniĝis super la rivero kaj per siaj longaj larmosimilaj branĉoj preskaŭ tuŝis la akvon.

Ĉe kurbiĝo de la rivero tra helverda foliaro de interplektiĝintaj grandeguloj-betuloj mi ĝoje rimarkis grandan strangforman lignan konstruajon, nigrantan sur ĝia alta bordo. Kio ĝi estis, mi ne sciis, sed tio estis negrava por mi. Kio ajn ĝi estu, mi deziris trovi sub ĝia tegmento nur ripozejon. La konstruajo estis malnova duetaĝa, duone ruiniĝinta, plu ne funkciinta akvomuelejo. Ĝia granda rado, iam sendube viviginta ĝin per sia movado kaj akvobruado, duone putriĝis kaj senmove pendis nun en la aero alte super la akvonivelo. La tabula tegmento estis truita, la muroj eniĝis en la teron kaj malrektiĝis, nur la alta sukplena urtiko, ĉirkaŭanta ilin, ankoraŭ donis al tiu ĉi malgaja, kiel ŝajnis, malviva pejzaĝo ian signon de granda nepereema forto de vivo. Cetere, al-

certmaniere oni frotas plumbon kun talko, oni ricevas similan sonon. Tion dirante Midore provis imiti ĉi tiun malsanan bruon kaj je mia granda surprizo li diris, sufiĉe kompreneble, du vortojn, konatajn al mi, ĉi tiujn: »historia materialismo.«

Poste Midore rakontis ankoraŭ, ke ili jam delonge konas la kaŭzon de ĉi tiu malsano kaj oni povas helpi tre facile — en la so!asi-fabriko oni elverŝas la cerbon de la malsanulo kaj filtras ĝin tra certa miksaĵo aldonante certajn reagi!ojn. Ĉi okaze la putrintaj materioj precipitiĝas kaj la okuloj rericevas sian originalan klarecon: — se la fluidaĵo estas jam tro infektita, oni simple elverŝas ĝin kaj uzas freŝan.

— »Ĉion ĉi« — diris Midore — »mi rakontas nur por pruvi, kiom mi komprenis, kion vi klarigis; similaj freneziĝoj povas okazi kaj ankaŭ okazas. Min surprizis nur, ke vi nomis plej grandaj pensuloj de l' homaro ĝuste tiujn malsanajn mensojn, kiuj freneziĝis pri si mem. Mi koncedas ja, ke la homa cerbo, fabrikata kaj liverata de nekonata maŝinisto, kaj eĉ, en ne perfekta, primitiva stato, devas atendi longajn jarojn (se mi bone komprenis), ĝis ĝi evoluas almenaŭ tiom, ke oni povu ĝin uzi: ĝuste pro ĉi tiu mirinda eco ĝi necese travivas tiajn evoluepokojn, kiam, ĉar ĝi mem estas ankoraŭ neperfekta, estas neperfekta ankaŭ tio, kion ĝi elpensas aŭ produktas. Ĉiokaze, se ni supozas, ke vi diris veron asertante, ke ankaŭ vi aspiras al la kompreno de l' ekstera mondo: mi devas rigardi la homan menson ia kruda vitro, el kiu oni volas fari lupeon. Por atingi tion, ni devas filtri kaj purigi la fluidan materion de l' vitro, ĝis ĝi fariĝas perfekte travidebla, por ke ni povu ekvidi tra ĝi la objekton pligrandigotan. Vi ne faras tion, sed tute kontraŭe, en la fluidaĵon vi metas ĉiaspecajn, netravideblajn krudajn aĵojn, kiel konscio, memkono, memkoncepto, por ke ĝi estu pli obskura kaj pli kompakta, vi timas, ke la plene travidebla cerbo tute malaperos tralasante la radiojn, ĉar ĝi ne estos videbla, same kiel la vitro. Sed ĉi tiu timo estas ja tute nemotivita, ĉar la ĉeeston kaj perfektecon de la lupeo mi rekonas ĝuste el tio, ke ĝi klare kaj hele videbligas por mi la eksteran mondon.«

Antaŭ ol paroli pri ĉi tio, Midore foje demandis min: kiel mi, organika, tera homo, povis lerni ilian lingvon. Mi rakontis al li, ke ankaŭ ni konas la muzikon, sed ni neniam revis pri tio, ke per muzikaj sonoj oni povu esprimi eĉ konkretajn pensojn. Je la demando, por kio ni uzas la muzikon, mi rakontis, ke ni esprimas niajn sentojn per la muziko kaj longe mi parolis pri la diferenco, kiu ĉe ni apartigas la senton kaj la penson.

Li miris pri tio, ĉar ĉe ili la sento kaj la penso estis unu, do li ne komprenis, kiel eblas, ke ni ne rimarkas tra la esprimita sento ankaŭ la penson, kiu naskis ĉi tiun senton kaj reciproke. Mi rakontis, ke ankaŭ ni kunfandas kelkfoje ĉi tiujn du aferojn, rakontante niajn pensojn kun sento kaj mi parolis pri kantoj, kiuj estiĝas tiel, ke la parolatan tekston ni pariĝas kun muzika akompano, melodio. Li tre miris pri tio, dirante: kiel oni povus tiamaniere komprenebligi la klarajn kaj ĉion perfekte esprimantajn vortojn de la muziko, ke oni ilin akompanas per senartikaj bruoj; tio nur konfuzas la komprenon. Mi rimarkigis, ke ankaŭ ĉe ni, estis kiuj kredis la muzikon memstara komunikilo, post kio en la kapon de Midore venis la penso, ke ĉi tiuj eble divenis ion pri ilia ekzisto, aŭ eble ekfrapis iliajn orelojn kelkaj vortoj, kiujn iu eldiris en Faremido. Mi jam preskaŭ kontraŭdiris ĉi tiun absurdan supozon, sed subite mi ekmemoris pri la multe mokita kaj multe refutita »muziko de l' sferoj«, pri kiu parolis kelkaj ekzaltitaj astronomoj de la mezepoko, kaj mi silentis.

*(Daŭrigota.)* El la hungara: *L. Totsche.*

## *Poemoj de la Memoro*

— E. Maura —

*Sur kajo de la stacidom'*
*Vi signis al mi per la mano,*
*Kun hezitema ekesper',*
*Kiel, perdite, la infano.*

*Barante l' vojon inter ni*
*Vartrajno rampis malrapide;*
*Ni ambaŭ staris sur la bord'*
*Apartigite — vidalvide...*

*Sed kiam fine trovis mi*
*Pasejon, apud vi mi haltis*
*Senvorte kaj konfuze, ĉar*
*En brusto mia koro saltis...*

II.

*Mia kor'*
*estas for,*
*for de mi:*
*ĝin perfortis*
*kaj forportis*
*unu — ŝi...*

*Kion fari,*
*se ne plori,*
*dum mi estas dis de l' kara?*
*Viv' dolora,*
*viv' amara,*
*kiu povas nur memori!*

*Nur ektremo*
*de ŝia buŝ',*
*nura ĝemo,*
*fingrotuŝ' —*
*ĉio estas por l' anim'*
*fea sorĉo,*
*kies dolĉo*
*brute sensaĝigas min.*

*Kaj mi vagas*
*nun, kaj agas*
*simple kiel frenezul',*
*pro brildenta ŝia rido,*
*pro la infaneca fido,*
*pro la vigla ĝojavido,*
*kiu de ŝi ŝprucis el okul'...*

*Mia kor'*
*estas for,*
*for de mi;*
*ĝin perfortis*
*kaj forportis*
*unu — Ŝi...*

III.

*Sur malnova la remparo*
*Babiladis nia paro*
*Milde, ĝis la sunsubir'...*
*Kaj ĉe tiu rememoro*
*Min premegas plorangoro,*
*Mi ekdronas en sopir'.*

*Kie nun vi estas, kara?*
*Kiel for de mi! Amara,*
*Ĉe l' palpebroj perlas ros'...*
*Sed el tiu roso ĝermos*
*Multa flor', kaj sin malfermos*
*Pli ol unu freŝa spros'!*

---

proksimiĝinte al la muelejo, surprizita mi rimarkis aliajn pli sendubajn kaj pli realajn signojn de vivo, kiu, ŝajne, ankoraŭ ne tute estingiĝis en tiu ĉi ruino: la urtiko estis ĉifita apud la perono kaj mallarĝa piedvojeto serpentumis de ie el ĝi tra la herbejo.

La pordo estis fermita kaj anstataŭ seruro pendis sur ĝi mallonga ŝnuro, kiu node kunligis ĝin kun la fosto. Do la plua vojo estis barita al mi. Mi ekrigardis internen de la loĝejo tra eta fenestro kun malpura vitro, ŝtopita ĉirkaŭe per ĉifonoj, sed nenion povis ekvidi en tiu mallumo, kiu regis transe de la fenestro. Hezitante ion entrepreni, mi distrite pririgardis la konstruajon kaj subite mia rigardo falis sur mizeran ŝtuparon. Super ĝi en la muro faŭkis truo, kiu, okulvideble, servis kiel enirejo en la duan etaĝon. La eltrovo estis tiel ĝustatempa, ke mi, neniom prokrastante, kun lerteco de juna simio tuj suprenrampis kaj ŝovis la kapon tra la truo. La lumo senmalhelpe penetris tien tra grandaj truoj en la tegmento kaj permesis pririgardi la internajon, kie amaso de pajlo en unu angulo tuj ŝajnis al mi tiel alloga, ke mi ŝanĝus ĝin en tiu momento je nenia komforta lito. Mi englitis kaj tuj plezure falis sur la pajlon, metinte sub la kapon mian ledan vojsakon. Mi ripozis iom da tempo en senmova pozo, poste mi leviĝis por liberigi de la botoj la piedojn kaj ĉefe, por fumi antaŭ la dormo. Jam nudpiede, kun cigaredo inter la dentoj, mi paŝis laŭlonge kaj laŭlarĝe de la rifuĝejo, esplorante ĝin, kaj tute okaze trovis en alia muro, preskaŭ apud la planko, proksime de mia lito, alian truon, tra kiu estis bone observebla la pordo de la malsupra etaĝo. Kontenta je tiu ĉi nova eltrovo, mi enlitiĝis, min kovris per la mantelo kaj fermis la okulojn. Mi estas stranga homo: se mi pasigas la nokton hejme, antaŭ enlitiĝo nepre atente mi esploras, ĉu ĉiuj pordoj kaj fenestroj estas ŝlositaj kaj, malgraŭ tio, mi ĉiam dormas malbonege, vekiĝante je ĉiu plej eta movbrueto, — kontraŭe, se mi dormas ekster la hejmo, mi estas kapabla dormi plej trankvile, plej bone, kie ajn tio okazus. Laceco tie ludas tute nenian rolon, ĉar hejme mi eĉ lace ne povas dormi tiel, kiel mi dormas kie ajn aliloke eĉ tute senlace. Ankaŭ en tiu ĉi okazo, tuj, kiam mi fermis la okulojn, ĉirkaŭkaptis min profunda, trankvila dormo.

Mian trankvilan dormon interrompis, kvankam modesta, tamen persista frapado je la pordo. Kiam ĉiuj iluzioj forglitis, mi nevolonte malfermis la okulojn kaj, konsiderinte, kie mi estas, scivole mi rampis al la truo, kaj singardeme ŝovis tra ĝi la kapon. Estis serena tagiĝo. Abunda roso kovris la teron, pro kio ĝi ŝajnis vualita per facila nebulo, mi sentis vigligan malvarmeton, ie super la rivero trilkonkuris najtingaloj. Antaŭ la pordo staris ĉarmvizaĝa kampulino de dudek jaroj proksimume. Ŝi estis nudpieda. Dika, arĝent-blonda harligo pendis ĝis ŝia zono, belegaj bukloj senorde rigardis el sub ŝia kaptuko, alta gracia brusto vivece leviĝis sub modesta malvasta katuna jaketo. En la manoj ŝi tenis korbon kun ovoj kaj sub la brako kunvolvajon de hejma teksajo. Ravite mi rigardis la belulinon kaj penis konjekti, kio emociis ŝin, kio okupas ŝiajn pensojn. Dume la knabino ripetis la frapadon kaj en malpacienco ellasis malfacilan ekspiron. Interne de la loĝejo, fine, iu ekmoviĝis, baldaŭ

mi ekaŭdis raŭkan tusadon, interrompatan de grumblo kaj maldelikatan virvoĉon, kies vortoj ne estis distingeblaj. Poste la pordo malfermiĝis kaj antaŭ la knabino aperis malaltkreska, larĝŝultra, vila figuro de ĉifonvestita maljunulo. Lian vizaĝon mi ne vidis, sed el la konfuzo, kiun mi rimarkis sur la vizaĝo de la knabino, ankaŭ el la rapideco, kun kiu ŝi tuj faris du-tri paŝojn malantaŭen, mi povis konkludi, ke ĝi havis nenion allogan.

— Nu... Kion?... — maldelikate li demandis.

— Jen, mi... — malkuraĝe komencis la knabino, sed tuj ŝi silentiĝis, kulpe mallevante la ruĝiĝintan vizaĝon kaj sen vortoj ŝovante en liajn manojn la korbon kaj la tolajon.

Sed tio ĉi estis sufiĉa. La maljunulo, ŝajne, tuj ĉion komprenis. Li ellasis ian nekapteblan obtuzan sonon, avide kaptis la donacojn kaj, rapide turniĝinte, malaperis post la pordo. La vizaĝo por momento fariĝis videbla por mi kaj mi teruriĝis de ĝia ekvido. Pli malbelan, pli abomenan vizaĝon mi vidis neniam. Ĝi estis dikvanga, purpurkolora kaj profunde kavigita de sulkoj kaj cikatroj en ĉiuj direktoj. Sub la malalta frunto elstariĝis, kiel brosharegoj, longaj grizaj brovoj, unu okulo tute mankis kaj la alia, elorbitiĝinta kaj pusanta, estis senkolora kaj rigardis iel beste-rabiste. La longa hokforma nazo similis tiun de rabobirdo, la sendenta buŝo estis kurba kaj sur la pendantaj lipoj ludis abomena rideto. Tute forgesinte, kie mi estas, mi ekkraĉis pro abomeno. La knabino levis la vizaĝon, sed, feliĉe, ne rimarkis min, ĉar la malbelulo jam ree aperis antaŭ ŝi.

— Nu, belulino, rakontu! — li diris ordonvoĉe, fiksinte la okulon al la knabino.

— Oni diras, ke vi... — ŝi komencis, ree mallevante la okulojn kaj ruĝiĝante. — Helpu al mi! Plu mi ne povas toleri... Ĉu mi venus al vi, se... Tia sopiro estas, tia sopiro, ke la koro tute nenion sentas... kaj ĉio pro li!... — en ŝia voĉo aŭdiĝis emocio kaj larmoj.

Ŝi levis la randon de sia blanka antaŭtuko kaj kovris per ĝi la vizaĝon.

— Hm... Mi povas! Mi ĉion povas!... De kie vi venis? Kiu *li* estas?

— Mi venis de malproksime... de tre malproksime.. *Li* estas Zaĥar Panteleiĉ...

— Ĉu bubo, juna?

— Jes, li estas fraŭlo, fianĉo...

— Do kion vi volas?... Ĉu vi volas, belulino, ke mi »difektu« lin? Mi povas fari ankaŭ tion, — li ekridis. — La afero estas tre facila, simpla,... Vi ne havos tempon eĉ por kalkuli unu-du-tri, li jam sekiĝos antaŭ viaj okuloj, kiel tiu ĉi lignero... Se vi volas, mi sendos al li tian malsanon, ke li tuj kurbiĝos, kiel maljunulo, kaj rampos kaŭre!... Ĥe, ĥe, ĥe... Se vi volas tion, mi povas...

— Ne, ne!... Pro Dio, ne! — ŝi interrompis lin mallaŭte kun petego en la voĉo. — Nenion malbonan mi deziras al li, gardu lin Dio! Mi amas... ni ja delonge. Li promesis edziĝi je mi antaŭ la somero, mi eĉ donacis al li mian ringon, — ŝi daŭrigis pli kuraĝe, tamen ĉiam evitante rigardi la sorĉiston kaj frotante unu piedon al la alia.

— Nu?...

— Kaj ĉio estis bona... sed antaŭ kelka tempo okazis en li tia ŝanĝo. Lin alsorĉis al si Dunjáŝka... la lernejservistino... Kaj nun li nek parolas kun mi, nek atentas min... Se mi iafoje... li mokas je mi... Kaj ĉu mi ne amis lin? Ĉu mi ne... — la knabino ploris.

— Kial kompati lin?... Ordonu, mi tuj »difektos«! Se li ne volis ĝui amon kun vi, admiru nun tiu ĉi Dunjaŝka lin kiel kriplulon. Mi estas »belulo«, sed mi ankoraŭ pli bone povas »prilabori« lian vizaĝegon, mi ĵuras...

— Ne, ne!...

— Strange, do kion vi volas?

— Oni diras, ke vi... mi timas elparoli ĉi tion...

— Elparolu, belulino, kion vi timas? Neniu formanĝos vin.

— Oni diras, ke vi konas la diablon mem, ke vi interrilatas kun li...

— Hm... Eĉ tio okazas iafoje, belulino, okazas!...

— Faru, mi petas, ke Dunjaŝka ĉesu plaĉi al li, ke ŝi estu abomenata de li... Ke li ree amu min kaj sole min!...

Unu momenton daŭris silento.

— Mi povas!... — la sorĉisto, fine, diris multesignife, gratante la orelon per kripligita ungo. — Kun granda plezuro... Venu post sunsubiro en la arbaron, tie apud la maljuna abio atendu min ĉe malnova karbkavo... Nur ne forgesu antaŭe demeti de la kolo vian kruceton...

La knabino mallevis la antaŭtukon kaj sur ŝia vizaĝo engravuriĝis malĝojo. Ŝi longe pripensis ion, longe hezitis.

— Ne, — ŝi, fine, diris mallaŭte. — Oni diris, ke vi... Mi esperis, ke vi...

— Estas nepre necesa via ĉeesto, alie...

— Ne, mi ne povas...

— Mi ne devigas. Se vi volas, ke mi faru laŭ via deziro, venu; se vi ne volas, faru kion vi mem scias.

— Oni diras, ke vi donas ian sorĉtrinkajon... Se oni trinkos ĝin...

— Oni mensogas... Kial vi timas? Venu al la karbkano, ni ĉion aranĝos... Tamen...

Li ree foriris. La knabino staris senmove, intense viŝante la okulojn.

— Prenu! Enŝutu ĝin en lian trinkajon. Se ĝi ne helpos, venu en la arbaron post sunsubiro, — li diris, etendis al ŝi ian objekton, volvitan en malpuran tolpecon, kaj malaperis, brue fermante post si la pordon.

La knabino longe staris ankoraŭ senmove, kvazaŭ hezitante. Larmoj torente fluis tra ŝiaj vangoj, ŝia korpo

---

## Odeto

**— H. de Régnier —**

*Al mi nur simpla ĝardeno,*
*speguliĝanta preskaŭ tuta*
*en la dormema akvo muta*
*de l' streta, kvieta baseno.*

*Nek vazo, nek statu', nek lukso.*
*Ne havas ĝi ale-zigzagojn,*
*sed estas al mi, ĉiujn tagojn,*
*kun siaj laktukoj kaj bukso.*

*Pro ĝiaj arbo kaj baseno,*
*odoro folia kaj tera,*
*pro ĝia bedo senbordera,*
*min ĉarmas ĉi simpla ĝardeno,*

*ĉar en la silenta ripozo*
*ekkantas foje unu birdo,*
*kaj ĉe la akvo, en la mildo,*
*foje ekfloras unu rozo.*

El la franca: *G. Waringhien*

# Tra la mondo

— Georgo Verda —

La t. n. Ekonomia Konferenco en Londono estas jam dank' al Dio finita. La diplomatoj de la potencaj ŝtatoj faris ĉion, kion ili povis: laborkunsidojn, paroladojn, bankedojn kaj solenajn akceptojn. Dum la ferma kunsido Mc Donald diris siajn multsignifajn vortojn: »Kiam vi revenos hejmen, klopodu, ke oni ne ricevu la impreson, ke ni nenion faris«...

Kaj estus efektive naive, se la Londona konferenco estus atinginta ion konkretan kaj kontentigan: kion oni farus dum eventuala sekva konferenco? Nur naivuloj povas kredi, ke diplomatio estas facila afero. Verdire, ni eĉ ideon ne havas pri la peniga laboro de niaj politikistoj, pretendantaj koni la sekreton, kiel regi la mondon. Oni nur imagu, kiom tia diplomato devas klopodi por sukcese okazigi plurajn tutmondajn konferencojn, kiuj estas finotaj senrezulte? Tio estas ja la tuta arto: kunveni kaj konferenci sensukcese. Se temus pri atingo de ia kontentiga rezulto, oni ne bezonus ja por tio diplomatojn, ĉar tion povus plej sukcese fari ĉiu logike pensanta kaj bonvolema civitano.

Nur esperantistoj, partoprenantaj en la universalaj kongresoj, povas imagi la sizifan laboron de la diplomatoj tutmondaj, ĉar ili mem faras similan laboron, kvankam laŭ pli modesta skalo. Kian sencon ekz. havus niaj t. n. »laborkunsidoj«, se iliaj rezultoj estus sukcesaj? Kion oni dirus ĝenerale, se oni realigus ĉion, kion oni decidas dum niaj universalaj kongresoj? Tiam ni verŝajne ne povus ja, ne havus la bezonon, kongresi ĉiujare. Nu, provu diri al verdulo, ke niaj universalaj kongresoj povas dum unu jaro tute ne okazi...

Estas efektive malfacile kompreni, pro kio kaj por kiu tiuj konferencoj okazas? Ĉu ili vere kredas, ke la publiko ankoraŭ serioze konsideras ilin? Sed kiu povas diveni iliajn intencojn? Tamen la Ekonomia Konferenco faris unu tre gravan ekonomian paŝon: ĝi rapide finiĝis, kaj tiamaniere oni ŝparis ankoraŭ kelkajn dekmilojn da dolaroj. Niaj diplomatoj montris ke oni povas vivi ekonomie, se oni nur volas. Gloron al ili!

*

Dum niaj regantoj sur la tero konferencadas senĉese, ne povante atingi interkonsenton, la ĉielaj regantoj pli sukcese faras sian pacan laboron (kredeble pro tio, ke ili ne bezonas manĝi): en julio okazis en Parizo solena ratifo de packontrakto inter la Dio de Izraelo kaj Tiu de la Novamerikana eklezio. La pastro de tiu lasta invitis en sian preĝejon en Parizo la konatan amerikanan rabenon Dron Stephan Wise ke li faru predikon dum la kristana diservo. Rabeno Wise akceptis la inviton, kaj lia prediko allogis multenombran publikon el la plej brila elito de Parizo. Mi ne mezuris la profundecon de liaj vortoj, kaj mi ne scias, kiel forte li impresis la parizajn elegantulinojn, sed fakto estas, ke la novamerikana eklezio en tiu tago sendube gajnis kelkajn novajn adeptojn: estas agrable aparteni al eklezio kun tiom varia programo.

Kaj eble tiu ĉi packontrakto ĉiela efektive estas signalo de pli hela epoko? La homaro ĉiam ja blinde sekvis kaj imitis siajn diojn, kaj ĉu ne de ili ĝi lernis malpaci kaj batali? Estas kortuŝe ekpensi, ke la ĝis nun koleraj dioj etendas nun reciproke la manojn unu al la alia. Kaj ni deziru al ili, ke tiu amikeco daŭru longe. Eble fine la homaro lernos ion utilan de siaj dioj.

Nur mi timas pri Jehovo. Kiam tiu sulkvizaĝa maljunegulo ekstaros antaŭ la pordo de la nova ĉiela regno kaj volos tien eniri, iu demandos lin: via deveno? Judo, — respondos Jehovo, kaj oni elĵetos lin, kiel samgentanon de Albert Einstein.

Kaj certe Jehovo faris nun la packontrakton kun la novamerikana eklezio pro tio, ke, kiam oni elĵetos lin el la ĉiela regno, oni diru ke oni elĵetis la amikon de la novamerikana dio.

*

Kaj nun la t. n. »universala« kongreso esperantista, kiu okazis ĵus en Kolonjo. Ĝi estis vera triumfo de la plej altaj Zamenhofaj idealoj. Oni diras, ke eĉ la himno estis tie kantata kaj la registaro bonvolis neniun tuŝi pro tio. Oni parolis tie pri libereco, pri pacifismo, pri amo intergenta, pri konkordo inter popoloj kaj rasoj. La organiza Komitato ĝojigis la ĉeestantaron, ke por eternigi la jubilean kongreson, kiu okazas en Germanujo, ĝi decidis disdoni al la moderna germana literaturo: verkoj de la plej famaj nuntempaj germanaj verkistoj, kiel Wassermann, Mann, Zweig, k. t. p., kaj la plej agrabla surprizo por ĉiu sendube estis la sciigo, ke la urbestraro de Kolonjo sur la ĉefplaco de sia urbo decidis starigi imponan monumenton de Dro Ludoviko Zamenhof, kiel omaĝon al la grandioza genio de tiu homo, kiu revis pri la fratigo de la popoloj.

Sed kial vi ne kredas min, karaj gelegantoj? Ĉu vi efektive opinias, ke legi libron de Wassermann aŭ Zweig estas profano, kaj ke starigo de monumento al Zamenhof estas krimo?

---

tremetis konvulsie, sur la bela vizaĝo estis senhelpeco, preskaŭ malespero.

— He, belulino!... — la sorĉisto ekkriis tra la fenestro, tuj kiam ŝi, preninte ian decidon, faris senesperan mangeston kaj ekpaŝis returne. — Mi forgesis... Haltu!... Eble, mi devas »difekti« Dunjaŝka-n? Ĉu vi aŭdas?... Revenu, pripensu la aferon!...

La knabino eĉ ne haltis. Duonreturniĝinte, ŝi nur kelkfoje faris en la aero malkontentan, nean mangeston.

La knabinon mi plu neniam renkontis, sed kun ŝia fianĉo Zahar Panteleiĉ mi hazarde kunpuŝiĝis post kelkaj tagoj. Vagante tutan tagon laŭ la bordo de la lago, mi laciĝis. Sed ne tiom premegis min la laceco, kiom manko de alumetoj, kiujn mi perdis survoje. Tiun ĉi premegan manksenton povas kompreni kaj ĝuste taksi nur fumantoj. Feliĉe, mi ekvidis sur la bordo lignofajron de fiŝkaptisto. Li ne sole provizis min per fajro por mia pipo, sed ankaŭ regalis min per bongusta fiŝaĵo. Ĉe la tablo lerte servis al ni, ankaŭ preparis la fiŝojn, juna belaspekta bravulo, kiu ekplaĉis al mi de unua rigardo.

— Ĉu li estas via filo? — mi demandis la mastron.

— Ne! — tiu mallaŭte respondis kaj nee ekbalancis la kapon.

— Ne, mi ne estas lia filo, sinjoro, — li mem tuj enmiksiĝis en la interparolon, — mi ŝatas fiŝhokon, boaton, — pro tio mi ofte vizitas la mastron.

— Domaĝe! — mi diris senpripense, — li estus vera trezoro en via familio. Mi ne vidis similan...

— Gardu nin Dio de tia »trezoro«, sinjoro! — min interrompis la mastro. — Vi scias nenion, sed mi certigas vin, tiajn maldiligentulojn, sentaŭgulojn malofte naskas la tero! Li sinamuzas ĉi tie per fiŝkaptado, dum lia malfeliĉa patro malsana apenaŭ paŝaĉas post plugilo.

Je mia miro tia atesto neniom efikis al la junulo.

Li nek konfuziĝis, nek penis sin pravigi, nek, fine, foriris. Kontraŭe, farinte fiereme stultan mienon, li eĉ gaje ekridis.

— Oni devus delonge edzigi lin, tiam li, eble, estus homo, — daŭrigis enpensiĝinte la mastro. — Ĉu tiel, Zaĥar Panteleiĉ? — li subite aldonis, sin turnante al la junulo.

— Ĉu li estas Zaĥar? ... — mi diris konsternita kaj fikse ekrigardis la junulon. En mia imago tuj aperis la muelejo, la sorĉisto, la knabino. »Do jen kia estas Zaĥar Panteleiĉ! — mi ekpensis. — Malfeliĉa knabino, se vi scius ...«

— Ni iom atendos ankoraŭ! aplombe, ne ĉesante ridi, respondis Zaĥar.

— Ĉu? — mi ekmiris. — Sed, mi aŭdis, vi promesis al knabino edziĝi je ŝi antaŭ la somero ...

— Al kiu mi promesis? — maldelikate li ekkriis kaj ekrigardis min malame. — Mi promesis al neniu ...

— Malvero! — ankaŭ mi ekkriis kun indigno. — Mi scias ĉion ... Ŝi donis al vi sian ringon kaj vi malnoble mokis je la knabino, preferis al ŝi al ian Dunjaŝka ...

— Ha-a! Vi ne atendis tion ĉi? Ne, karulo, oni ĉion scias! ... plivigliĝis la mastro.

La bubo ruĝiĝis, tamen ne konfuziĝis, ne perdis la kuraĝon.

— Nu, mi promesis ... — li diris arogante, — estu tiel, sed kion fari, se mi poste trovis pli bonan knabinaĉon? Ĉu edziĝi je ĉiuj? Ili ja estas multaj ...

— Vere, knabinoj estas multaj, sed nobla bubo ĉion konsideras antaŭ ol doni promesojn. Ĉu vi scias, ŝi nun suferas, ne trovas trankvilon! ... — mi diris.

Responde li laŭte ekridis kaj, ĵetante al mi cinikan, plenan de malestimo rigardon, foriris, dirante:

— Malfeliĉa knabino, neniu vin kompatas! ... Kion fari? Nun ŝi, malfeliĉulino, sekiĝos pro la malĝojo, kiel herbero! Kial vi, sinjoro, ne kompatas ŝin?

Pro tiuj ĉi vortoj mi eksentis tian indignon, malamon kaj malestimon al la bubo, ke se mi kredus iom je la miraklopova forto de la sorĉisto, mi tuj, malgraŭ mia laceco, malgraŭ mia inteligenteco, venus al li kaj surgenue petus, ke li »difektu« la sentaŭgulon, kiel li tion proponis al la knabino.

Estis fino de printempo. Min kaŝante de pluvo mi sidis super pentrinda krutaĵo de arbarmonteto sub tendo, kiun gastame aranĝis la naturo el densaj branĉoj de tri graciaj, samradikaj abioj kaj mi ĝuis la fulmotondron. Mi tre ŝatas tiun ĉi minacan kaj majestan naturfenomenon, en kiu tiel klare, tiel plene sentiĝas la tuta senlima majesto de la kreinto kaj la neniaĵo de homo. Jen tie, jen aliloke sur la malhelgriza ĉielo senĉese ekbrilis helaj zigzagaj fulmoj, tondroj voksignalis inter si kaj konkuris per sia forto. Kaj subite, meze de tiu ĉi ĥaoso, la aeron tratranĉis mallaŭta, sed harmonia funebra sonorado de proksima preĝejo. Miaj pensoj tuj prenis alian direkton: aŭskultante la sonorilploron, mi penis konjekti, kiu estis la priplorata forlasinto de nia surtera kunvivado, ĉu maljunulo, longe kaj malpacience atendinta sian finon, ĉu



M. Kisling — *Portreto*

# MIA ANGULO

## — JULIO BAGHY —

### VIRINOJ EN LA MOVADO

*Ne pri certaj virinoj mi deziras paroli. Generale temas pri virinoj, aktive partoprenantaj en nia kulturafero. Pli precize, mi intencas surpaperigi kelkajn rimarkojn pri la virina influo al la prospero.*

*Onidire la virina animo havas minimuman kreopovon, ĝin precipe karakterizas la inspiroforto. La virino malofte inventas, sed tiom pli ofte ŝi stimulas al inventado. En ŝi la imitemo kaj memorpovo superas ŝian intuician kapablon kaj ŝiaj naturdonitaj armiloj estas tro delikataj por venki en batalo. Virino kun energia kreopovo apartenas al la esceptoj, kiuj montras certagradan deflankiĝon de la normo.*

*Mi ne deziras polemike serĉi la pravecon de tiuj ĉi asertoj. Eble ili estas troigoj de la vira egoismo. Do mi ne subskribas la deklaron de virinmalamanto: »Sen Evo Adamo eĉ nun vivus en la paradizo.« Sen tamen feministo mi ne estas. La feminismo kreas inferon por la virinoj... kaj mi tro estimas, admiras la virinan animon por helpi en la konstruado de tiu nedezirata punloko. Kie virino konkuras kun viro, tie pereas la naturdonita harmonio same kiel en situacio, kie virino fariĝas sklavino de viro. Mia principo en tiu ĉi afero estas: liberan evoluon al la virina animo! Ne mortigu la virinon en la virino kaj per edukado ne produktu virinon kun ŝtelitaj viraj ecoj kaj inklinoj. Metafore: en florbedon ne plantu karoton!*

*Feliĉe la moderneco ankoraŭ ne sukcesis ekstermi la eternan virinon. Malgraŭ ĉio filinoj de Evo heredas la karakterizajn ecojn de sia prapatrino Evo, kiu faris homan hejmon el la kaverno de urso, plibeligis la ĉiutagan grizecon, inspiris celojn en la vaneco kaj per siaj sonĝoj devigis Adamon krei lukson. La lukson de formoj kaj esprimiloj. Tiamaniere la virino fariĝis la etika bazo de la hejmo kaj de la socio. Kia estas la virino, tia estas la domo, la socio. Sen virino la viro dronus en nenifaro kaj sen viro la virino velkus pro senceleco. La eterna duo, la sinpelado por reciproke plaĉi unu al la alia farcs la vivon tuta. Jes, ili kune faras ĝion tuta, prospera kaj triumfe venka. Do, ankaŭ nian aferon: la esperantan movadon.*

*Dum vojaĝoj vole nevole mi devis konatiĝi kun diversgradaj prosperoj, kiuj motivas la aktualecon de nia artikolo. Mi klopodos koncize skizi miajn spertojn en tri malsamaj lokoj. Kompreneble sen mencio de la urbnomoj kaj personoj: La komparado estas via tasko.*

*Urbo A en granda lando. La gvidantaro konsistas nur el viroj. Inter la membroj troviĝas kelkaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj. Kursoj sinsekvas unu la alian kaj la seka gramatika klarigado fortimigas eĉ la akiritan kvanton. La kvaliton reprezentas du tri sinjoroj, kiuj izolis sin kaj ne partoprenante en la societa laboro literature laboras. La grupkunvenoj konstante montras elementan scion; la literatura evoluo stagnas ĉe la UNUA LEGOLIBRO. Opinio de la ekstermovada publiko: »Esperanto estas utopia, Esperanto estas bagatelaĵo, neniam ĝi fariĝos vivanta lingvo, bela afero, sed«... ktp.*

*Urbo B en mezgranda lando. Virinoj, virinoj kaj virinoj, nur kelkaj junuloj maloftas inter la membroj por akompani la adoratan fraŭlineton. Ĉiujare unu kurso kun limonada karaktero. Grupkunvenoj kun temoj pri virino kaj la religio, virino kaj la socia ordo. Rezulto: la membroj kore abomenas unu la alian. Opinio de la publiko: Esperanto estas afero de kaftrinkantaj maljunaj fraŭlinoj «*

*Urbo C en juna lando. La gvidantaro konsistas proporcie el ambaŭ seksoj. Tiu ĉi fakto mem lokigas la movadon sur vivan bazon. Ili kune konstruas. La varbitoj ne forkuras post la kurso, ĉar la grupkunvenoj varias per siaj tagordoj. La lingvo vivas. Por la membroj ĝi fariĝis bezonata realaĵo. Tri personoj dejoras dum la bibliotekaj horoj. 100—150 membroj aŭskultas la programon de ĉiu Viva Gazeto. Ĉiumonate teatra grupo prezentas sian arton kaj vekas amon al la lingvo mem. Propra Kanthoro kun esperantlingvaj kantoj amuzas ne nur la membrojn, sed ankaŭ la neesperantistan publikon. Sekcioj de instruado, amuzado, sporto, literaturo, propagando zorgas pri la konstanta altniveliĝo de la kvanto. La movado montras plenan bildon de sana vivo. Kial? Ĉar ankaŭ la virina animo povas atingi siajn aspirojn, kiel iam Evo »fari homan hejmon el la kaverno de la urso.« Sed la virina animo per sia inspiroforto zorgas ne nur pri la ursa kaverno, sed ĝi devigas la urson fariĝi kulturhomo. Rezulto: La membroj vere konscias ne nur pri la graveco de la lingvo, sed ankaŭ pri ĝiaj luksaj bezonoj. Publika opinio: »Esperanto estas vere serioza kulturmovado.«*

*Sed ĉu vere tiun miraklon faras la virina animo? Ĉu efektive ĝi havas tian utilan kaj fekundigan influon? Ĉu ne sole mia partiemo vidigas la aferon tia?*

*La urbo A donis kontentigan respondon al mi, Kiam la duan fojon mi havis la okazon viziti tiun lokon, la loka movado jam montris grandan similecon al tiu de la urbo C, dank' al la proporcia partopreno de la virinoj en la aktiva laboro.*

*Nemirinde! La viro kaj virino aparte ŝajnas al mi duonhomoj kaj la vivplena direktado, prospero dependas de tuta Homo, en kiu ili ambaŭ unuiĝas. Ni, viroj, ofte kontentiĝas per la simpla akiro de la kruda bezonaĵo; nin ne ĝenas la kalvaj rokoj de la kaverno. La virinoj sopiras je lukso; ili preferas kovri la nudecon de la rokoj per plaĉa ornamaĵo. Ne subpremu do la influon de la virina animo en la movado, sed lasu ĝin efiki, ĉar ĝi — ĉu per sia inspiroforto, ĉu per sia kreopovo — evoluigos la lukson de nia lingvo: la memstarajn literaturon, teatron, muzikon, plenecon de artoj, sen kiuj nia movado ne taŭgus — por kulturhomo.*

*Ni ne forgesu, ke senornama kaverno faras el vigla homo melankolian urson.*

---

junulo, pereinta en sia plena ekfloro? Kaj kiajn sekretojn li forportis kun si en la misteran postĉerkan mondon? Ja ĉiu homo estas aparta mondo, plena de sekretoj kaj nediveneblaj enigmoj...

Dume la nuboj forflugis, aperis la suno. Mi daŭrigis la vojon. Antaŭ la vilaĝo mi renkontis popolamaseton funebre vestitan. Mi haltis.

— Diru, mi petas, kiun oni enterigas? — mi demandis kun subita emocio.

— Knabinon...

— Ĉu knabinon? — mi miris. — Ĉu tiun, ĉu ŝin?... — mi ja sciis nek ŝian nomon, nek ŝian vilaĝon. Ĉu ŝi havis fianĉon?...

La virinoj demande interŝanĝis rigardojn.

— Jes, ŝi havis ... — diris unu el ili, profunde ekspirinte.

— Eble, vi konas Zahar-on ... — komencis la alia.

— Sufiĉe, mi dankas!... mi diris kaj grandpaŝe ekiris antaŭen.

Silente, mallevinte la kapon, mi paŝis tra tapiŝmola, florbrodita, bonodora herbaro. Flirtis papilioj, zumis abeloj, ĉirpis libeloj.

Laŭlonge de la vojo staris graciaj vicoj de arboj, kelkaj ankaŭ floris, la aliaj nur dandis per sia verdornamo, ĉiuj logis ripozi sub sia ombro. De iliaj virgepuraj branĉetoj afable falis sur min kristalaj pluvgutetoj, la suno ludis en ilia foliaro, birdhoroj aŭdiĝis de iliaj suprajoj. Oni povus kortuŝiĝi de tiu ĉi ĉarma beleco, de tiu ĉi gaja festo de la naturo, sed mi ne atentis ilin. Mi sciis, ke la tuta beleco, la tuta ĉarmego estis nur ŝajnaj. Tro nesinceraj, tro hipokritaj ili ŝajnis al mi. Mi ne ŝatas la printempon!...

# La Katedralo

**(El „La Anglino kaj aliaj virinoj" de André Maurois)**

En 18... studento haltis antaŭ la montro-fenestro de bildvendejo en ta strato Saint-Honoré, En tiu fenestro estis elmontrata bildo de Manet: la Katedralo de Chartres. Tiutempe Manet estis admirata nur de kelkaj amatoroj, sed la pasanto havis bonan guston: la beleco de tiu ĉi pentraĵo ĉarmis lin. Sekvintajn tagojn li revenis por ĝin rigardi. Fine li kuraĝis eniri kaj demandis pri ĝia prezo.

— Tiu bildo, diris la komercisto, estas ĉi tie jam de longa tempo. Por du mil frankoj mi ĝin al vi translasos.

Tian monsumon la studento ne posedis, sed li apartenis al provinca familio, kiu ne estis malriĉa. Kiam li estis forvojaĝonta Parizon, unu el liaj onkloj diris al li: »Mi scias ja, kio estas la vivo de junulo. En okazo de urĝa bezono, skribu al mi.« Li petis do la komerciston ne vendi la bildon dum unu semajno kaj skribis al sia onklo.

La junulo havis en Parizo amatinon kiu, estante edzinigita kun homo pli maljuna ol ŝi, enuis. Ŝi estis iom vulgara, sufiĉe stulta kaj tre bela. Vespere de la tago en kiu la studento informiĝis pri la prezo de la Katedralo, tiu virino diris al li:

— Mi atendas morgaŭ la viziton de pensionamikino kiu alvenos el Toulon. Mia edzo ne havos tempon por nin akompani; mi kalkulas je vi.

Morgaŭan tagon la amikino alvenis. Ŝi mem estis akompanata de alia amikino. La studento devis dum kelkaj tagoj promenigi tiujn ĉi tri virinojn tra Parizo. Ĉar li pagadis la manĝaĵojn, fiakrojn kaj teatrajn biletojn, sufiĉe rapide lia monata enspezo tiel malaperis. Li pruntepreni monon ĉe kamarado kaj estis jam malkvietiĝonta, kiam li ricevis leteron de sia onklo. Ĝi enhavis du mil frankojn. Estis por li granda senpezigo. Li pagis siajn ŝuldojn kaj faris donacon al sia amatino. Kolektisto aĉetis la Katedralon kaj, post longa tempo, ĝin testamentis al la muzeo Louvre.

Nun la studento iĝis maljuna kaj fama verkisto. Lia koro restis juna. Ankoraŭ nun li haltas emociigita antaŭ naturvidaĵo aŭ virino. Ofte, elirante el sia hejmo, li renkontas en la strato maljunan sinjorinon, kiu loĝas en la najbara domo. Tiu ĉi sinjorino estas lia iama amatino. Ŝia vizaĝo misformiĝis pro graso; sub ŝiaj okuloj, iam belaj, estas haŭtopoŝoj; super ŝia lipo kreskas grizaj haretoj. Pene ŝi marŝas kaj oni imagas ŝiajn molajn krurojn. La verkisto ŝin salutas sed ne haltas, ĉar li scias ke ŝi estas malbonanima kaj li ne emas pensi ke li estis ŝin amanta.

Kelkfoje li iras en Louvre kaj atingas la salonon, en kiu estas elmontrita la Katedralo. Li ĝin rigardas longe kaj sopiras.

El la franca: *E. AISBERG (Parizo).*

Inter la modernaj francaj verkistoj, André Maurois estas unu el la plej konataj. La profundeco de lia pensaro, la stilo samtempe sobra kaj eleganta, la diverseco de la literaturfakoj en kiuj li brile pruvis sian eksterordinaran talenton, tuj post la apero de la unuaj libroj disfamigis lian nomon.

Li estas la kreinto de la speco de *biographie romaniée* (romanigita biografio) ofte imitita poste de aliaj verkistoj, kiuj tamen neniam povis superi la de li donitajn modelojn: *Disraëli, Byron, Shelley, Lyantey, Turgenev.* Bonege konante Anglujon, kie li multe vivis kaj prelegis, li skribis neforgeseblajn librojn pri la angla literaturo kaj karaktero.

Liaj majstre faritaj romanoj *(Climats, Le Cercle de Famille* ke...) kie brilas inteligenta observo, vasta kulturo kaj profunda psikologia analizpovo, restas inter la ĉefverkoj de la mondliteraturo.

Fine necesas mencii liajn vere eksterordinarajn *essais* pri filozofio, literaturo, politiko kaj scienco en kiuj li aperas kiel unu el la plej originalaj kaj penetremaj spiritoj de nia epoko.

---

# D I S K U T O

## PRI LA RUMANA PENTR-ARTO.

Mi legis la aprilan n-on de la revuo »Literatura Mondo« en kiu aperis la noto de Sr-o K. B. pri la rumana arto kaj estas devigata jene respondi pri ĝi:

La specialistoj de l' tuta mondo konas la arton de unu Grigorescu, kies bildoj grandnombre figuris en la grandaj ekspozicioj de l' okcidento.[1]) La ĉefa kvalito de tiu ĉi unika pentristo estas ĝuste lia speciala originaleco rumana neinfluita de fremda arto kaj lia inspiro pure latina kun sia tuta grandiozeco de la linioj, konstruo de l' formoj. Li estas unu el tiuj grandaj artistoj de l' peniko kiun ni nur per lia originaleco povas kompreni. *Grigorescu* (1838—1907) estas unika en sia arto kaj lian lokon mi elektus apud la grandaj reprezentantoj de l' impresionismo. Alia samtempulo fama estas *Stefan Luchian* (1869—1916) pri kiu mi same ne povus diri ke li estis adepto de l' franca arto. La pejzaĝo kaj la morta naturo kies nesuperebla artisto estis Luchian, aperis en liaj kolorverkoj kiel ĉefa motivo. Eĉ kiel portretisto li estas unu el la realaj valoroj de l' moderna arto kaj povas stari certe inter la grandaj pentristoj de l' okcidento. Jen nur du nomoj el la serio de grandaj reprezentantoj de l' arto rumana. La paĝoj de tiu ĉi revuo sendube ne sufiĉas por karakterizi eĉ en telegrama stilo la verkojn de iliaj antaŭuloj, havantaj malnovan tradicion, elegantan kunigon de l' stilo bizanca kun la roma novklasikeco. *Teodor Aman* (1831—1891) estis pentristo havanta kontakton kun la franca spirito, sed tiu, kiu atribuas al la situacio geografia de l' Balkano la evolucion de arto absolute originala, kiel estas nia menciita, trovas pli ol unu argumenton por politika propagando.[2]) Nia juna lando havas pentristojn kiel ekzemple Stefan Popescu, C. Ressu, Dimitrescu, Iser, skulptistojn posedantaj nenion komunan kun la parnasa influo. La transilvania skulptisto Medrea disradias sian freŝan fortikecon sur la placoj de Bucuresti kaj en Transilvanio, en la diversaj statuoj de l' ŝtathomoj kaj kreantoj de ideoj. Apud la ĉiam aktuala generacio de l' pasinto mi ne povas forgesi la formiĝon de nova generacio laŭ diversaj kategorioj kaj artaj nuancoj. Estas ja vere ke la prunto de l' ideoj kutimas okazi kun ia influo fremda: la malnovaj pentristoj influis la novajn. Sed estas fundamenta eraro aserti, ke la juna generacio arta per la nura fakto, ke la profesian edukon ĝi faris en Parizo, estus alportinta la ekskluzivecon de l' franca influo. Oni ne forgesu la luktojn de l' kultura emancipo el la jaro 1906 kondukita de profesoro *Nicolae Iorga*, kies celo estis la repuŝo, neenmikso de l' franca kulturo. Tiun ĉi emancipan movadon oni povas rimarki ne nur en la kultura vivo rumana, sed ankaŭ en la arta kaj la juna artista generacio el Rumanio distingiĝas ĝuste per sia originaleco. La pariza eduko apenaŭ estas resentebla en la verkoj de la rumanaj artistoj. Mi ne scias ĉu en la

verkoj de Gauguin, Cézanne, Felicien Rops aŭ Van Gogh ekzistas elementoj francaj, malgraŭ ke la animo de tiuj ĉi artistoj estas superplena de glora tradicio.

La lokon de l' rumana arto mi ne povas difini kiel daŭriganton de bizanco aŭ de la franca impresionismo. Multaj elementoj de gotika influo troviĝas en la ekleziaj konstruaĵoj, preĝejoj transilvaniaj, freskoj monaĥejaj en la malnova reĝlando, en la tekstarto, ĉizita ligno primitive originala, havanta nenion similan en iu ajn eŭropa arto. Ĝi estas absolute originala, kion oni ne povas tiomgrade diri ekzemple pri kelkaj nordaj popolaj artoj kaj mi kredas nek pri la rusa, influita de la bizanca arto.

La rumana juna generacio artista provas trovi forman esprimon de sia rasa tradicio per la plej moderna tekniko. Ni havas artistojn el ĉiuj kategorioj kapablajn esprimi sin en diversaj formoj kaj sola rerigardo je la tuta danuba ŝtato sufiĉas por konstati, ke ĝi havas nenion komunan kun la degradiga ideo de l' balkana influo. Estas sub nia literatura kaj arta digno rumana deviĝi al respondo je tiaj atakoj, ĉar tiel ni devas konsideri ankaŭ tiun noton, kuraĝantan kritiki arton nekonitan. Ni invitas la aŭtoron de l' komentario, ke alifoje se li recenzas la artajn manifestaciojn rumanajn, li havigu al si sufiĉajn informojn el la grandega stoko de l' fremdaj libroj verkitaj en la lingvoj franca, germana, angla ktp. pri la rumana arto[3]) kaj mi estas certa, ke tiel oni povos eviti la okazon por reveni pri la sama temo en la kolonoj de revuo de kompreno kaj ne kontraŭbatalo de l humanaj ideoj. *Emil Isac.*

[1]) Okaze de iu ekspozicio de la pentristoj el Fontainebleaŭ (1867) imperiestro Napoleon aĉetis du el la pentraĵoj de Grigorescu. (Minerva, Enciclopedia Romana.) T. M.

[2]) Eble ne tiom politika, kiom geografia eraro de K. B. en L. M. apr. 1933, arbitre puŝinta la nordan limon de la Balkana duoninsulo (t. e. la Balkan-montaron) el Jugoslavio kaj Bulgario en Rumanion.

[3]) Se s-o K. B. estus ĵetinta rigardon ekz. en »Reiseführer durch Rumänien, eld. Ghid. Rom. 1932« en la ĉapitro »Die bildenden Künste« li estus povinta legi, ke »Marius Bunescu estas la plej grava *pejzaĝ*-pentristo rumana«, do tute ne estis trafa elekto prezenti en L. M. ĝuste portreton de tiu ĉi pentristo. La menciita libro enhavas ankaŭ plurajn pejzaĝajn bildojn de M. B. elokvente parolantaj per si mem pri la »lokaj koloroj« tiom serĉataj de amiko K. B. *Tib. Mor.*

## PRI LA LINGVAJ SCIOJ DE ZAMENHOF.

Mi deziras kompletigi per kelkaj vortoj la cetere tre bonan artikolon de *H. J. Plehn* pri la lingvaj scioj de Z. Mi povas nun almeti en la diskutadon tekston, kiun ĝis nun mi ne konis: ĝi estas eltiraĵo el privata letero de Z. al Sro Michaux, de la 21 Febr. 1905, kiun mi publikigos poste tutan, pro ĝia escepta graveco: »La homa lingvo estis por mi ĉiam la plej kara objekto el la mondo. Plej multe mi amis tiun lingvon, en kiu mi estis edukata, t. e. la lingvon rusan; mi lernadis ĝin kun plej granda plezuro... Mi kun plezuro lernadis ankaŭ diversajn aliajn lingvojn, sed ili interesadis min ĉiam pli *teorie* ol praktike; kaj ĉar mi neniam havis la eblon ekzerciĝadi en ili, kaj ĉar mi ĉiam legadis nur per la okuloj, sed ne per la buŝo, tial mi libere *parolas* nur en tri lingvoj (ruse, pole kaj germane), la lingvon francan mi legas libere sed parolas ĝin *tre malmulte kaj malbone;* krom tio mi en diversaj tempoj lernis iom ankoraŭ ĉirkaŭ 8 aliajn lingvojn, kiujn mi konas tamen nur tre malmulte kaj nur teorie«. Al tiu peco mi devas aldoni alian, el la sama letero: »Ĉar la pli granda parto de nia popolo ne uzas la lokajn lingvojn, sed parolas per aparta »ĵargono« hebrea-germana (la tiel nomata »yiddisch«), kiu ĝis nun ankoraŭ posedas nenian gramatikon, tial mi antaŭ longatempe dediĉis ĉirkaŭ du jarojn al la fundamenta esplorado de tiu ĵargono, mi esploris ĉiujn ĝiajn leĝojn kaj mi ellaboris ĝian gramatikon (kiun mi tamen neniam publikigis)...« (La substrekoj estas Z-aj). Al la tri supraj »libere parolataj« lingvoj oni devas do aldoni la jidon. Kaj el tiu teksto oni klare vidas, ke la anglan Z. konis nur »tre malmulte kaj teorie«: tio estas vere ne sufiĉa por tradukado de verko, kiel Hamleto, kies teksto estas multloke tiel malfacila eĉ por nuntempaj angloj. Tial mi opinias, ke Z. eĉ ne rigardis la originalan tekston; alian probablon mi trovas en la klariga noto, kiun li antaŭmetis al la represo de »La Batalo de l' Vivo«; tie li deklaras, ke ĉe la tradukado li ne sukcesis havigi al si la originalan tekston; originala teksto de Hamleto estis verŝajne ankoraŭ pli malfacile havebla en la malgrandaj rusaj urbetoj, en kiuj li loĝis, kiam li tradukis Hamleton.

Mi tute ne preterlasas la diferencojn inter la germana Schlegel-traduko kaj la teksto de Z.; sed alie mi ilin klarigas. Mi eksciis de personoj, kiuj konis Z-on, ke li kutimis, ĉe tradukado de iu verko, kolekti kaj kompari diverslingvajn tradukojn de la originalo. Estas do probable, ke krom la Hamleto de Schlegel, Z. havas antaŭ la okuloj alian (polan? rusan?) tradukon. Nur tiu hipotezo povas eksplikі kelkajn tre strangajn kontraŭsencojn, kiuj ŝajnas povi deveni nek de la angla, nek de la germana verko; mi aludas interalie tiujn versojn de la unua akto:

Li en kolero sian pezan glavon
En la glacion batis...

dum la angla kaj germana teksto parolas pri elpuŝo de pola reĝo el lia glitveturilo. Restas nun al niaj slavaj samideanoj eltrovi la Hamlet-tradukon, de kiu Z. pruntis tiun kaj kelkajn aliajn kontraŭsencojn.

Al la piktona noteto de Sro La Colla eble mi respondos detale pli poste, kiam hejme mi disponos miajn laborilojn. Hodiaŭ mi volus diri al li nur, ke, kvankam mi tute ne indus tion, se li estus uzinta por la kompreno de mia kritikita frazo la centonon de la atento, kiun li dediĉis al la defendo de la aludita biblia teksto, li ne estus nun kulpigebla pri senpripenso. Li serĉu en la kolekto de Heroldo la lokon, kie mi skribis tiun frazon, kaj li vidos,, ke mi estis tute samopinia, kiel li kaj liaj garantiantoj, pri tiuj »flanko« kaj »latero«. Glavobaton en la akvo li faris do, kiel ni diras france.

Cetere, kiaj ajn estas la meritoj de la Z-a bibliotraduko, oni ne povas kaŝi al si, ke, se li bone komprenis la prozan hebrean lingvon, li ofte stumblis en la poeziaj libroj, kaj eĉ en la plej arkajaj tekstoj de la Pentateŭko. Sro La Colla komparu la Z-ajn tradukojn aperintajn antaŭ la milito ĉe Hachette kun la Londona eldono reviziita kaj korektita de anglaj scienculoj, kaj li miros pri la nombro de la eraretoj, eĉ de eraroj. Unu el la plej amuzaj estas la »violono«, per kiu li dotas filon de Kain (Tubal-Kain, se mi bone memoras) pro malĝusta kompreno de la germana vorto »Geigel«, uzita de Luther en sia traduko. Ĉar, kiel mi diris supre, apud la originala teksto, Z. havis ĉiam, por kontroli sian laboron, alilingvajn tradukojn; kaj okazis, ke kelkloke li ne pli bone komprenis tiujn tradukojn, ol la originalon...

Sed tio neniel estas nepardonebla eraro: kiu tradukisto povas flati al si, ke neniam li kulpis kontraŭsencon? Kaj eĉ ne nur tradukistoj, ĉu ne, Sro La Colla?
*G. Waringhien.*

## Esperantistaj sentencoj

*Ne tiu estas bona esperantisto, kiu bone esperas, sed tiu, kiu ebligas bonan esperon.*

*Nur talento, komprenado, imago, fantazio, klareco kaj bongusto — kaj vi ĉion tre bone kaj bele esprimos en Esperanto. Oni bezonas nenion pli...*

*Internacieco ne estas neigo de nacieco: internacieco ne pretendas forigi la malbonajn ecojn de la nacioj; ĝi volas nur transdoni la bonajn ecojn de unu nacio al la aliaj.*

*Kunigu la animetojn de la naciaj lingvoj — vi havos la animon de l' lingvo internacia.*

Satunovski (1896)



# OBSERVO

(X.) LÉON PIERRE-QUINT: ANDRÉ GIDE, SA VIE, SON OEUVRE. Léon Pierre-Quint, la eminenta literatur-historiisto, la biografio-verkisto de *Marcel Proust*, donas en tiu ĉi libro kompletan bildon pri *André Gide*, la plej kolora kaj plej interesa figuro de la nuna franca literaturo, kies kolektitaj verkoj nun aperos en granda, 15-voluma eldono.

Tiu ĉi kompleta bildo estis ege necesa, ĉar tiu, kiu nur el opaj verkoj konas *Gide*, irantan konstante novajn vojojn, benitan per ĉiam renoviĝanta kaj mirinda juneco, ricevas pri li ofte tute falsan bildon. Antaŭ kelkaj tagoj mi aŭdis de bonnoma kritikisto, ke Gide estas konservativa. — Gide, kiun aliaj homoj honoras per la epiteto »satanique«, Gide, la heroo de l' morala revolucio, Gide, kiu hodiaŭ, en sia 64-a jaro, faris rektan konfeson en sia *Journal* por la komunismo kaj ateismo! Tra kiaj intimaj bataloj atingis ĉi tien la junulo, edukita en severe puritana medio, jen kion rakontas interese en sia libro Pierre-Quint.

André Gide naskiĝis en Parizo en 1869. Flanke de sia patro, kiu estis jur-akademia profesoro, liaj praulo) estas sudprovincaj puritanaj hugenotaj kamparanoj, flanke de l' patrino li devenis el riĉa Normandia oficista familio. Sekve kuniĝis en li la antipodaj temperamentoj de l' norda kaj suda franceco, kion ankaŭ li mem vidas unu faktoro de sia anima disharmonio. La severaj religiaj kaj sociaj tradicioj de la gepatra domo preme efikis sur Gide jam en la infanaĝo, ĉi tio evidentiĝis en psikopatiaj simptomoj. Pro nervmalforteco li devis plurfoje, eĉ por tuta jaro, ĉesigi la viziton de la lernejo. En la supra klaso de l' gimnazio li interamikiĝas kun Pierre Louis, sub la signo de la amo al poezio, kaj la junulo, tiam ankoraŭ profundkreda, decidas, ke li fariĝos verkisto, ĉar alimaniere li ne povas liberiĝi de la problemoj kaj duboj, krozantaj en lia animo. En sia 20-a jaro li verkas sian unuan libron: *Cahiers d' André Walter*, pri kiu *Maeterlinck* deklaris. »*ce triste et merveilleux bréviaire des vierges*«. En lia animo jam komenciĝis la lukto de l' sopiroj klopodantaj liberiĝi kontraŭ la katenoj de la puritana moralo. Gide, same kiel lia heroo André Walter, suferas en peza deprimiĝo, ĝis fine la severa patrino, post la morto de la patro, lasas lin vojaĝi. Li vojaĝas al *Tunis* kaj *Algir* kaj tie, en la libera naturo, inter la arabaj infanoj li lernas ĝoji, ami la vivon. Li restas tie du jarojn, poste li revenas hejmen, kaj interamikiĝas kun *Oscar Wilde*. La frukto de tiu ĉi epoko estas la ekzalta lirismo de l' *Nourritures Terrestres*. Li reiras en Francujon en 1895. por edzinigi sian nevinon *Emmanuèle Rondeaux*, al kiu lin ligas malnova, mistika amo, dum liaj seksaj inklinoj lin tiras en alian direkton. Laŭ Gide tiujn ĉi du flankojn de *Eros* oni ne povas unuigi; la historion de tiu ĉi anima amo li verkas poste, en 1908, en la *Porte Étroite*. Kun la edzino li reiras al Tunis, sed kompreneble li jam ne trovas ĝin tia, kia ĝi estis por li antaŭe. Sub la efiko de tiu ĉi vojo verkiĝas la *Immoraliste*. Per tiu ĉi libro li elmeritis la kromnomon »*Satanique*«. Kaj lian vere teruran senindulgon ni povas kompreni nur, se ni perceptas simbole la rakonton. La heroo. Michel, kiu sude resaniĝis el la pulmomalsano, volas ree vojaĝi tien, ĉar li sentas, ke nur tie li povas vivi; portas kun si la malsanan edzinon; scias, ke la pena vojaĝo kaŭzos ŝian morton, sed malgraŭ ke li amas ŝin, li tamen perfortas la vojon, ĉar li obeas la propran instinkton.

Nun sekvos la plej malfacila epoko de la vivo de Gide, tutajn jarojn li ne verkas, nur vojaĝadas, luktadas (kompreneble nur anime, ĉar materialajn zorgojn li neniam havis), kaj fine en 1908. li likvidas la mistikajn sentojn de l' junaĝo en la *Porte Étroite* (Malvasta Pordo) kaj liberiĝas de la duobleco de sia individuo.

*La Porte Étroite* erarigis multajn legantojn pri la veraj sentoj de Gide, ĉar la sentomondon de lia infanaĝo ĝi redonis tiel intense, kvazaŭ eĉ nun vivus la kredo en lia animo; sed la fino de la libro, kiam Alissa, la heroino, rekonas la vanecon de sia ofero, montras klare la konvinkiĝon de l' aŭtoro.

En 1914. aperas la nedirebl sprita kaj sagaca »*sotie*«, *la Caves du Vatican*, la glorigo de la misfama »*acte gratuit*«, aŭ »*acte libre*« (ago arbitra kaj ago libera). Lafcadio, liberigita de ĉia anima digo, simple elĵetas la kompatindan, malbelan kaj maljunan *Fleurissoire* tra la fenestro de l' vagono, por provi sin, ĉu li povas agi tute libere, »sen intereso«. For la mensogon, diras Gide: *Ni estu* kaj ne nur *ŝajnu!* Ne estas mirinde, ke tiu ĉi libro faris grandan indignon, tiom pli, ĉar ĝi atakis ankaŭ religiajn instituciojn. Inter aliaj Paul Claudel klopodis persvadi Gide kaj rekonverti lin al la religio. Sed Gide nenion pripentas, li iras plu sian vojon. Kaj jen, la reago de l' publika opinio estas neelkalkulebla: la *Coridon* kaj la *Si le grain ne meurt* (Se la grenero ne mortas), aperintaj dum la milito, en kiuj Gide konfesas kun konsterna sincereco siajn animajn luktojn kaj la devion de siaj instinktoj, tute ne vekis tian tempeston, kian oni estus atendinta. La verkista famo de Gide iom post iom disvastiĝis, trans la ekskluzivaj literaturaj rondoj, lian arton rekonis ankaŭ liaj kontraŭuloj; kaj tiuj aferoj, por kies priskribo antaŭ la milito necesis granda aŭdaco, eĉ se, kiel ĉe Proust ili estas pritraktataj kiel kulpoj, nun jam renkontis, precipe sub la influo de la Freud-skolo, pli kaj pli grandan indulgon kaj komprenon.

La lasta romano de Gide: *Faux-Monnayeurs* (Monfalsistoj) tuŝas nur parte tiujn ĉi problemojn; ĝia ĉefa temo estas, kio propre la verkiston pleje okupas: la ekkono de la vera individuo de la homo. Gide serĉas la ekkonon tra la homo: kio estas la vero, kio la imago? kiam ni estas vere sinceraj? Ankaŭ aliajn problemojn entenas la libro; la rilaton de l' gepatroj kaj infanoj.

Interese estas diri, ke la senĉese renoviĝanta Gide hodiaŭ, sur la zenito de sia famo, provizore turnis sin de la romantileraturo kaj sin okupas pri sociaj problemoj. Dum siaj vojaĝoj li ekkonis la ŝklavoproblemon, kaj nun lin interesas la verkoj de *Marx* kaj la sorto de l' sovjeto.

Jene skizas Pierre-Quint la biografion de Gide en la unua parto de sia verko. En la dua parto li konigas la arton, psikologion kaj ideomondon de l' verkisto. La libron finas riĉa bibliografia parto.

(X.) KIEL MORTIS ANTAU 40 JAROJ LA AUTORO DE »HORLA«. Antaŭ kvardek jaroj, je la 3-a de julio 1893., mortis *Guy de Maupassant* en frenezulejo de *Passy*. Kun estingiĝinta cerbo li foriris el la mondo, kies tiom da homaj figuroj li prezentis en siaj noveloj kaj romanoj. Lia fidela servisto, *François Tassart*, kiu vivis apud li 15 jarojn, vivas ankoraŭ en *Cannes*, en tiu marborda urbo, kie freneziĝis Maupassant. La maljuna *François* hodiaŭ estas 78 jara. Li vivas propre el Maupassant-memoroj; li eldonis plurajn librojn, en kiuj li notis la babiladojn kun Maupassant. El la lakeo, post la morto de l' mastro, *fariĝis verkisto*. Nun li preparas sian novan libron, kies titolo estas: *Sur la ferdeko de la Bel Ami*. La kunlaboranto de la »Paris Soir« vizitis en Cannes la maljunan François, kiu rakontis multajn novajn, ankoraŭ nekonatajn detalojn pri la cirkonstancoj de la malsaniĝo kaj morto de Maupassant. La iama lakeo antaŭ ĉio protestis kontraŭ tiu aserto, kiun ni renkontas ankaŭ en la literatur-historio, ke Maupassant verkis jam malsane la romanon »Horla« kies heroo provas, sed ne sukcesas rifuĝi, de la murda monstro de l' frenezo. La maljuna François asertas, ke en 1887., kiam Maupassant verkis »Horla«, li estis korpe kaj anime *tute freŝa* kaj sana. La penson pri »Horla« donis *Porto Riche* al Maupassant, rakontante pri amiko, kiu travivas terurajn turmentojn, ĉar li ĉiam pli kaj pli sentas, kiel li falas en la potencon de l' frenezo.

Laŭ la maljunulo, Maupassant ekmalsanis dum la vintro de 1891. Li apenaŭ dormis kaj opiniis, ke li suferas pro diversaj stomak-kaj kormalsanoj. Unu post la alia li elprovis kelkajn kor- kaj stomak-kuracojn, poste vojaĝis al *Cannes*, kie li estus devinta vivi, laŭ la konsilo

de l' kuracistoj, en tuta trankvilo. Maupassant vojaĝis de dek jaroj ĉiuvintre al Cannes. En la decembro de 1891. li luis malgrandan villon sur la marbordo. El lia unuaetaĝa ĉambro malfermiĝis belega panoramo. Anstataŭ plenumi la konsilon de l' kuracistoj, li laboris pri sia lasta verko: »*Angelus*«. Plurfoje en semajno li vizitis en *Nizza* sian patrinon por tagmanĝi kun ŝi. Li havis velosipon, nomatan *Bel Ami*, per kiu li plurfoje velis malproksimen en la maron.

La 27-an de decembro *Raymond*, la ŝipisto de *Bel Ami*, diris al François, ke post la albordiĝo Maupassant *apenaŭ sciis veni el la ŝipo*. Ŝajnas ke li ne plu estras siajn piedojn. Oni devis lin apogadi dum la iro. Post ĉi tio — li daŭrigas — mi ŝtelis la revolveron de l majstro, elprenis al ĝi la kuglojn kaj malsekiĝis ilin. Kaj la malsekajn kuglojn mi remetis en la revolveron. Mi timis, ke Maupassant, kiu pro sia malsano sin okupis per sinmortigaj pensoj, mortpafos sin. La 1-an de januaro — daŭrigas la rakonton la estinta servisto de Maupassant — mia majstro tagmanĝis ĉe sia patrino, antaŭ vespero li revenis en Cannes, vespermanĝis kun bona apetito kaj enlitiĝis. Li plendis pri kapdoloro. Mi metis akvan kompreson sur lian frunton, post tio li profunde ekdormis. Antaŭ noktmezo oni alportis telegramon, kiun piedpinte mi portis en la dormoĉambron de Maupassant kaj metis ĝin sur la noktoŝrankon. Ĉirkaŭ la dua horo nokte mi ekaŭdis bruon, kaj mi kuris en la dormoĉambron. Maupassant staris en la mezo de l' ĉambro kaj el lia kolo fluegis sango. Kun plena trankvilo li alparolis min laŭvorte jene: »Jen, vi vidas, François, kion mi faris. Mi tranĉis mian gorĝon. Ŝajnas ke mi freneziĝis...« Maupassant, dum la sango fluis el lia gorĝo, estis tute konscia. Antaŭe li volis sin mortpafi per revolvero, kiel mi bone konjektis, sed la revolvero, pro la malsekaj kugloj, ne funkciis. Sur la noktoŝranko kuŝis la telegramo, kiu estis banala bondeziro de sinjorino, al kiu Maupassant amindumis sensukcese dum longa tempo. Kiam tiu ĉi sinjorino aperis ĉe mia majstro, li estis ĉiam eksterordinare nervoza kaj ekscitita. Tiu ĉi virino vojaĝis Oriente kaj de tie ŝi sendis sian telegramon al Maupassant. Eĉ hodiaŭ mi ne scias, kiu ŝi estis.«

La maljuna François finas sian rakonton per tio, ke du tagojn post la sinmortiga provo Maupassant kredis, ke eksplodis la milito kaj tuj li volis ekiri al la batalkampo. Trudkitelon oni devis meti sur lin kaj tiel oni portis lin la 8-an de januaro 1892. en Parizon, kie oni metis lin en la Passy-an frenezulejon de dro Blanche. Dum unu kaj duono da jaroj batalis kun la morto la aŭtoro de »Horla« en la frenezulejo de Passy. Li mortis la 3-an de julio 1893 kaj la 6-an oni enterigis lin. Ĉe lia tombo Zola faris adiaŭparolon.

(X.) EL LA PLUMO DE COLETTE, pariza verkistino, aperis rava romano. Ĝia titolo estas: *La kato*. Ĝi temas: pri la tradicia franca triangulo: Edzo, edzino, kato. *Saha*, la kato, kompreneble apartenas al la edzo. Nekomparebla amo ĝin ligas al li. Ĝi ne petas, ne ricevas. Ĝi ĉiam nur donas: multe da fidelo, kompreno, boneco. Mi ne bezonas diri, ke tiu ĉi nobla besto apartenas al la familo de la angoriaj katoj. Per la karakteriza instinkto de sia nobla raso ĝi eksentas la unua, ke ĝia neŭrastenia, revema mastro malbone elektis sian sanan, perforteman, junan edzinon, kaj pro la fuŝita geedzeco ĝi klopodas lin kompensi per tiom pli granda karesemo. La senbrua kaj tamen perfekta amikeco de la edzo kaj Saha vekas tian ĵaluzon en la juna edzino, ke un tagon ŝi ĵetas la katon de sur la balkono de la kvara-etaĝa loĝejo.

Kiel ajn kaŝas la edzino la aferon, — la edzo eksentas, kio okazis al sia amato. »Senindulga vi estas kaj malica«, li krias al la edzino. Vorto sekvas vorton kaj la edzo forkuras de la domo. — Kiam evidentiĝas, ke Saha vivas — katmaniere ĝi feliĉe kroĉiĝis en elstarantan trabon — la geedzoj iom mildiĝas. Sed la edzo ne revenas. Kiel nuntempe tiom ofte okazas: ĉe la fino de l' romano nek ni, nek la junaj geedzoj scias: ĉu ili revenos unu al la alia, aŭ ne.

La romano, kiel mi legas, en Parizo havas tre grandan sukceson. Tute mirinde. En ĝi aperas meditema, nova, subtila Colette. Nekonata Colette, por kiu, ŝajnas, tre bonvenis la elekto de nova profesio: ŝi komencis kosmetikan instituton kaj nur en la liberaj horoj ŝi verkas romanon. — Kompreneble, okaze de la granda sukceso, ankaŭ nun oni intervjuis ŝin, kial ŝi forlasis la Muzojn kaj Colette respondas en ĉarma artikolo.

La titolo estas: »Kiomfoje falas virino ĝis sia ekprospero.« »Mi rimarkis«, skribas Colette, »ke la falojn oni devas nur transvivi. La talentajn homojn ĝuste post la grandaj faloj la sorto kutimas levi ankoraŭ pli alten. Mia tuta vivo pruvas ĉi tion. Tiam mi verkis mian plej sukcesan romanon, kiam plej nereciprokite mi amis. Apenaŭ min konsolis iom la sukceso, apenaŭ mi decidis, ke tutanime mi donos min al la verkado, mia teatraĵo fiaskis tion malbele, ke mi decidis: neniam plu mi prenos plumon en la manon. En mia ĉagreno mi fariĝis aktorino. Mi estis dancistino, akrobato, drama aktorino. Mi ricevis terurajn kritikojn. Nu — mi diris — mi revenos al mia malnova amato, al la verkado, sed nun de alia flanko mi sieĝos la Muzojn. Estis tiam mondmilito — la sieĝo estis ĝuste aktuala. La germanoj staris antaŭ *Verdun*. Kun la niaj mi fermis min en *Verdun*. De tie mi sendis raportojn al la gazetoj. Dum jaroj mi estis ĵurnalisto, antaŭ ol mi kuraĝis komenci mian novan teatraĵon. Jen al la trajno de l' rumana reĝino mi envagoniĝis por nokta intervjuo, jen kun Landru mi interparolis en lia ĉelo. Dum la verkado de la raportoj mi finis tamen mian duan teatraĵon, kiu rikoltis grandan sukceson. De tiam ĉiujare mi verkis du-tri romanojn. La lastaj ne prosperis tro belege. Se nun mi komencis kosmetikan instituton, mi faris tion, por ke la sorto ekatentu kaj diru: »Tiu ĉi Colette, ŝajnas, sekrete fiaskis, jen pro kio ŝi turnas dorson al la literaturo. Nu bone!«

Kaj jene okazis, ke unuafoje en mia vivo mi havis sukceson sen ia fiasko, per la *Kato*.

(X.) PITIGRILLI: VOJO AL LA AMO. Senmanke prezentiĝas en tiu ĉi romano ĉiu konata valoro de *Pitigrilli:* spriteco, interesa rakontmaniero, facila, eleganta stilo, sed krom ĉi tiuj ni rekonas ankoraŭ apartan valoron en tiu ĉi nova verko: profundan enhavon, tre seriozan pritrakton de seriozaj problemoj, sed tiel bravure, ke ĉi tio eĉ por momento ne pezigas la romanon. La unua problemo estas la problemo de l' juĝisto, kies konscienco kaj homa sento falas en konflikton kun la senkora mondo de l' paragrafoj kaj kun la juĝistokolegoj, kiuj rigore sin tenas laŭ la skribita leĝo kaj dum la juĝado ne donas rolon al la psikologio, nek al la kompreno. *Paul Pott*, la juĝisto, forĵetas sian talaron kaj surmetas anstataŭ ĝi la tintan ĉapon de cirka pulĉinelo. En la areno li havas ĝuste tiajn sukcesojn, kiel iam en la juĝejo kaj fariĝas mondfama artisto, kiun gastigas reĝaj kortegoj kaj distingas per ordenoj. Per psikologio kaj logiko li elkalkulas la leĝojn de l ridigo, kiujn li ekuzas kun granda certeco en la praktiko. Iom post iom ŝajnas, ke ĉio estas perfekte en ordo, kiam la ondlinio de lia vivo subite falas suben: unue forlasas lin la filozof-rajdartistino inter amaraj cirkonstancoj, tiu virino, en kiu li opiniis trovi la virinan perfektecon: poste faras al li pezan animan konsternon la ekkono, ke li eraris, kiam li kontraŭagis siajn juĝistokolegojn kaj senkaŭze forĵetis sian juĝistan profesion. Li forlasas la cirkon kaj iras al la kolonioj por juĝadi, kaj tie en la soleco iom post iom li reakiras sian animan ekvilibron.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Degni:* fari ion bonvole sed tre moŝte al malaltranguloj; *descendi* (Christaller): malsupreniri; *hasti* (Christ.): urĝiĝi: *hegemonio* (Wüster): superrego (prec. politika); *incendio* (Presa Soc.): brulego; *koncedi* (Grosjean-Maŭpin): ne kontraŭi, cedi permeson pri; *kurta:* mallonga; *lanta:* malrapida; *nervoza:* nerve maltrankvila; *obskura* (Fulcher-Long): malluma; *olda:* maljuna; *pigra:* maldiligenta; *sproso:* verda ĝermo; *streta:* mallarĝa; *stumbli:* faleti, falpuŝiĝi.

## APERAS ĈIUMONATE SUR 32 PAĜOJ




KAMEOKA, KIOTO-HU, JAPANUJO

Nova tre interesa verko

Sac. JACOBUS BIANCHINI

## CURSUS COMPLETUS ESPERANTI

tironum usui accomodatus, comparationibus cum potioribus linguis Europae, Asiae et Africae singulis XXXVI lectionibus additis, linguarum monogenesim comprobantibus, cum glossario esperanto - latino.

Prezo it. L. 10, tolbind. L. 15. — Mendu ĝin tuj!

**SENPAGE** ricevos tiun ĉiu eldonajon la mendontoj de Historio de Kristo de PAPINI, kies prezo estas it. L. 40 (broŝ ), L. 50 (tolbind.) Rabato 10%, sur la cititaj prezoj ĝis 30 septembro 1933

Mendojn al la

Eldonejo A. Paolet en S. Vito Tagliamento (Italujo)
(Poŝtĉekkonto 9-392 Venezia)

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Pymble* N. S. W. Church St. »Tallangetta«.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*. Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*. Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92. Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11. La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczednoŝci, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

## ESTONA ANTOLOGIO

**Unua parto**

Sub la redaktado de

HILDA DRESEN

kaj aliaj eminentaj tradukistoj estas nepre havinda libro por ĉiuj esperantistoj. — Prezo **2·50** sv. fr. afrankite.

Havebla ĉe Literatura Mondo, Budapest

La unua parto de la DIA KOMEDIO, la

# Infero

de Dante Alighieri

tradukita de

**Kolomano Kalocsay**

jam aperis

en septembro. La verkon kaj tradukanton konas ĉiuj esperantistoj. Ni aldonu, ke laŭ vidpunkto de lingva fideleco la tradukon reviziis BRUNO MIGLIORINI Akademiano kaj STEFANO LA COLLA L. K. Vi estos konvinkita, ke la traduko apartenas al la plej bonaj tradukoj de la mondfama verko.

En formato de 23·5×15·5 cm. sur senligna papero, 288 tekstopaĝoj kaj 14 tutpaĝaj ilustraĵoj de Dezideriо Fáy entute 318 paĝoj.
La verko estos pli bela, pli impona ol Tragedio de l' Homo de Madách.
Prezo sv. fr. 8·80, broŝ. sv. fr. 11·—, bind. + 10% por sendkostoj.

**Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj**

donos la verkon al ĉiuj siaj anoj por sv. fr. 3·50 + 12% por sendkostoj, la 40 t. e. kvardek % de ĝia vendoprezo, kiel eksterprograman libron en 1933-a jaro.

## Mikaelo Sárossy kantas | Kolomano Kalocsay deklamas

sur la

## nova gramofondisko

nun preparata de Literatura Mondo. Por komencantoj la disko estos necesa instruilo de prononco, por progresantoj la moltona dolĉa kanto de Sárossy kaj la muzikoplena deklamo de Kalocsay donos neforgeseblan ĝuon. La disko pretiĝas el nova nerompebla materialo, kiu estas ludebla almenaŭ sepdekfoje per la kutimaj pingloj, sed ni povas liveri novspecajn pinglojn, per kiuj oni ludas ĝis ducentfojoj. Unu flanko ludas dum kvar kaj duona minutoj. Pri la prezo kaj aliaj detaloj ni donos precizajn informojn en la venonta Literatura Mondo.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.